6ª Jaro | Aprilo 1909 | Nº 64ª

# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo

de la

Internacia SCIENCA ASOCIO Esperantista

Ĝenevo — Svislando



ENHAVO



**Administrejo & Redaktejo :**

8, Rue Bovy-Lysberg, Ĝenevo — Svislando.

(*Telegrafa adreso* : Sciencejo, Genève).

**Jara abono :** 2,75 $S. — **Unu numero :** 0,25 $S.

*BRITUJO.* « Brita Esperantista Asocio » (Museum station Buildings, 133-6 High Holborn), Londono W. C. — *DANUJO.* A.-F. Höst & Son, Kjopenhago. — *FRANCUJO.* G. Warnier & Cie, (15, rue Montmartre) Parizo. — *GERMANUJO.* Möller & Borel, (95 Prinzenstrasse,) Berlino. — *HISPANUJO.* J. Espasa, Barcelona. — *ITALUJO.* Raffaello Giusti, Livorno.— *POLUJO.* M. Arct. Varsovio.— *RUSUJO.* Libreldonejo « Esperanto », Moskva. *TURKUJO,* J. Guéron (Lernejo : *Alliance Israélite*), Aïdin.

# ESPERANTISTA SCIENCA ASOCIO

## ESTRARO :
por 1908 - 1909.

*Honora Prezidanto :* D-ro L. L. Zamenhof, Varsovio (Pol.). — *Prezidanto :* S-ro R. Benoit, direktoro de l'Internacia Oficejo por la peziloj & mezuriloj, Sèvres apud Parizo (Franc.). — *Vicprezidantoj :* Prof. J. J. Thomson, Cavendish profesoro de Fiziko, Universitato de Cambridge (Angl.). — S-ro Nikolay Kazi-Girey, inĝeniero, Administrado de Ĥina-Orienta fervojo, Ĥarbin (Manĉur.). — Prof Ed. Huntington, profesoro ĉe la Harvarda Universitato, Cambridge, Mass. (U. S. A.). — *Ĝenerala Sekretario :* D-ro R. de Saussure, P-ta Docento ĉe la Ĝeneva Universitato, Ĝenevo (Svis.). — *2a Sekretario :* Prof. C. Bourlet, prof. ĉe Konservatorio de l'Artoj & Metioj, Parizo (Franc.). — *Kasisto :* D-ro Th. Renard, Ĥemiisto, Ĝenevo (Svis.).

## KOMITATANOJ :

G-alo Sebert, membro de la Francuja Instituto, Parizo (Franc.). — F. Villareal, dekano de la Scienca Fakultato, Universitato de Lima (Peru.). — H. Pellat, Prez. de la Franca Societo de Fiziko, Parizo (Franc.). — J. Meazzini, geologiisto, Arezzo (Ital.). — Fournier d'Albe, membro de la Reĝa Dublina Societo, Dublin (Irlando). — R. Codorniu, ĉefinĝeniero de arbaroj, Murcia (Hispan.). — D-ro K. Bein, okulisto, Varsovio (Pol.). — D-ro K. B. R. Aars, membro de la Norvega akademio de Sciencoj, Kristiania (Norveg.). — D-ro Kroita, profesoro ĉe la Universitato de Tokio (Japan.). — D-ro E. Fraga, prez. de la Ĉila Esperantista Societo, Santiago (Ĉil.) — D-ro E. S. Krikortz, Stockholm (Sved.). — D-ro W. Köppen, Hamburg (German.). — Prof. Ad. Schmidt, estro de la R. Magneta Observejo, Potsdam (German.). — D-ro Richard Legge, Mikleover (Derby) (Angl.).

## EKSTRAKTOJ EL REGULARO

§ 1. — Sub la titolo *Esperantista Scienca Asocio* estas fondita internacia asocio, kiu celas propagandi la internacian helplingvon Esperanto ĉe la sciencularon & faciligi ĝian uzadon per ĉiuj manieroj.

§ 2. — Povas aniĝi la Asocion ĉiuj personoj, societoj aŭ sciencaj revuoj, kiuj sin enskribos en la nomaron de la Asocio kiel aliĝantoj al la Deklaracio akceptita en Ĝenevo la 31an de Aŭgusto 1906. (Vidu ĉi sube).

Ilia aniĝo definitiviĝas, nur post kiam ĝi estas akceptita de la Estraro de la Asocio.

§ 3. — La aliĝintaj societoj aŭ revuoj povos esti riprezentataj de siaj prezidantoj aŭ direktoroj aŭ de speciale rajtigitaj delegitoj.

§ 4. — La Asocianoj estas dividataj laŭ 3 kategorioj, nome : honoraj anoj, aktivaj anoj, & neaktivaj anoj.

§ 5. — La *honoraj anoj* estas elektitaj inter la personoj, kiuj faris gravajn servojn por la afero de lingvo internacia.

§ 6. — La *atikvaj anoj* pagas jaran kotizon da almenaŭ 2 ₷ & havas la rajton voĉdoni pri ĉiuj demandoj. Nur ili estas elekteblaj por la postenoj administraj.

§ 7. — La *neaktivaj anoj* pagas nenian kotizon. Ili havas la rajton voĉdoni nur pri demandoj, kiuj ne koncernas la administradon de la Asocio.

§ 8. — Ĉiuj aktivaj anoj, kontraŭ la pago de speciale rabatita abono (2 ₷ anstataŭ 2,75 ₷), povas ricevi la oficialan organon de la Asocio aŭ la revuon, kiu ĝin anstataŭas.

§ 15. — La administra laboro estas komisiita al *Internacia Scienca Oficejo,* kiu zorgas pri la korespondado, plenumigas la laborojn & decidojn de la Asocio & konservas la arĥivojn.

§ 16. — La direktado de tiu Oficejo estas komisiita al la Ĝenerala Sekretario, kiu, kun la aprobo de la Administra Komitato, povas aldoni al si unu aŭ pli ol unu konsilajn komitatojn elektotajn inter la Asocianoj.

---

## Deklaro.

*(voĉdonita dum la dua Universala Kongreso de Esperanto, Ĝenevo, 1906).*

« La subskribintoj, scienculoj, sciencistoj aŭ sciencamantoj opiniante, ke la enkonduko de la konstanta uzado de la lingvo internacia Esperanto en la Scienco multege utilus por faciligi la interrilatojn de scienculoj diversnaciaj & ankaŭ la legadon de la Sciencaj gazetoj, esprimas la deziron, ke :

1e La scienculoj konstante uzu la lingvon Esperanto dum siaj kongresoj.

2e La gravaj internacie disvastigitaj sciencaj gazetoj akceptu artikolojn redaktitajn en Esperanto & plie aldonu, al ĉiu artikolo redaktita en nacia lingvo, resumon en Esperanto montrantan ĝian enhavon.

La subskribintoj promesas helpi, ĉiu laŭ siaj fortoj, al la efektivigo de tiuj deziroj.

Ili permesas al ĉiu ajn publikigi tiun de ili subskribitan decidon. »

LUEBLA

6ª Jaro Aprilo 1909 Nº 64ª

# Internacia Scienca Revuo

OFICIALA MONATA ORGANO

DE LA

Internacia SCIENCA ASOCIO Esperantista

ĜENEVO - SVISLANDO

*Direktoro :* René de SAUSSURE

*Redakciaj Sekretarioj :* Ed. MALLET, Th. RENARD

*Manuskriptojn, gazetojn, librojn & interŝanĝojn, oni sendu al Internacia Scienca Revuo : 8, Rue Bovy-Lysberg, Ĝenevo.*

## GEOGRAFIO.

### 9ª internacia Kongreso de Geografio, Ĝenevo, 27ª Julio-6ª Aŭgusto 1908.

Eksterordinara kunveno de la delegitoj.

Lundon, 3ªⁿ de Aŭgusto, je 10 h. ½ matene, en la Aŭla ĉambrego de la Ĝeneva Universitato.

Prezido de Sro Arthur de Claparède, Dro Jur., Prezidanto de l'Kongreso.

#### Decido.

La 9ª internacia Kongreso de Geografio, akceptante la inviton de la Itala Societo de Geografio & de la urbestraro de Roma, okaze de la kvindekjara datreveno de la nacia itala unuiĝo, inviton apogatan de la Delegitaro de l'Registaro de Lia Moŝto la Reĝo de Italujo, decidas :

1e ke la 10ª Internacia Kongreso de Geografio okazos dum 1911 ;

2e ke ĝi okazos en Roma.

Kunveno de la Delegitoj.

Jaŭdon 6ªⁿ de Aŭgusto, je 9 h. matene en la Aŭla ĉambrego de la Ĝeneva Universitato.

#### Decidoj & Deziroj.

*I. La karto de la mondo laŭ la skalo de 1 : 1 000 000.*

En la ĝenerala kunsido de la Naŭa Internacia Kongreso de Geografio, okazinta en Ĝenevo la 28ªⁿ de Julio 1908, la jena decido estis akceptata unuvoĉe :

*Decido.*

Ĉar la kartografiaj oficejoj de diversaj nacioj komencis la verkadon de kartoj publikigotaj laŭ unuforma skalo de 1 : 1 000 000, kun unuformaj konsentoj por la grandeco de la folioj, &c.

Estas *dezirinde*, pro evidentaj kaŭzoj, ke unuforma serio da simboloj & konvenciaj signoj estu alprenita de ĉiuj nacioj por la uzado sur tiuj kartoj.

Estas *dezirinde*, ke Internacia Komitato estu formata por studi la demandon & ke, por havi bazon por la diskutado, ĉiu Registaro & ĉiu karteldonanta oficejo estu postulata liveri al la Komitato, antaŭ post dekdu monatoj, specimenojn de la kartoj je 1 : 1 000 000, kiuj estas verkitaj.

Konforme al la teksto de la supra decido, la Prezidanto elektis Komitaton por studi la demandon & eldiri dezirojn.

La Komitato kunvenis & unuvoĉe prezentas la jenajn dezirojn kun la peto, ke ili estu komunikataj je la nomo de la Internacia Kongreso al la priinteresataj Registaroj & al la Geografiaj Societoj riprezentataj ĉe la Kongreso :

1) Konforme al la deziro de la Internacia Geografia Kongreso, okazinta en London dum 1895, ĉiu folio de la karto devus kovri areon da 4 gradoj latitude & 6 gradoj longitude.

La meridianoj kiuj enlimigas la foliojn devus esti laŭ sinsekvaj interspacoj da 6 °, kalkulataj de Greenwich ; & la randaj paraleloj kalkulataj de la Ekvatoro, devus esti laŭ sinsekvaj interspacoj da 4 °.

Ĉiu gradlinio devus esti strekita tra la tuta folio.

2) La projekcio devus esti, laŭ la deziro de 1895, projekcio polikonusa, ĉiu folio estante konstruata sendepende je sia centra meridiano.

3) Skalo laŭ kilometroj devus esti metata sur ĉiu folio. Aldona skalo laŭ mejloj povus esti metata je postulo.

4) La altecoj super la marnivelo devus esti montrataj laŭ metroj. La valoroj laŭ futoj povas esti aldonataj je deziro.

5) Laŭregule nivelkurboj devus esti desegnataj laŭ vertikalaj interspacoj da 200 metroj, kalkulante de la marnivelo. Sed en regionoj tre montetozaj la nivelkurboj povas esti laŭ pli grandaj vertikalaj interspacoj, kiuj tamen devus esti multobloj da 200 metroj. En tre ebenaj regionoj suplementaj nivelkurboj povas esti aldonataj, kondiĉe ke iliaj interspacoj estu frakcioj de 200 metroj. La nivelkurboj devus esti brunkoloraj.

La detaloj kiuj ne estas montreblaj de la nivelkurboj devus esti montrataj per ombroj.

Kiel aldono estas dezirinde ke la sinsekvaj altecoj estu montrataj per vico da kolornuancoj:

La definitiva skalo da nuancoj devus esti elektata nur post la preparado de folioj specimenaj laŭ la ĝeneralaj reguloj supre diritaj.

6) Kutime la akvoj devus esti montrataj blue, sed oni devus distingi inter la ĉiusezonaj riveroj & la intermitaj. La profundoj de la maro & de la lagoj

devus esti montrataj per nivelkurboj bluaj, la interspacoj vertikalaj estantaj multobloj aŭ frakcioj de 200 metroj. La detaloj kiuj ne estas montreblaj per la nivelkurboj povus esti montrataj per blua nuancado. La komenca nivelo ĉiuokaze estos tiu de la supraĵo de la maro aŭ de la lago. Por la riveroj, oni montru laŭeble la akvofalojn & aliajn malhelpojn al ŝipveturado.

7) La vojoj & vojetoj devus esti dividataj laŭ du klasoj : la kiuj taŭgas por veturila transportado & la kiuj ne taŭgas por ĝi.

8) La literoj devus esti skribataj uzante la diversajn formojn de la Latina alfabeto. Distingo devus esti farita inter la literoj uzataj por la homindustriaj (artefaritaj) montrotaĵoj & tiuj por la naturaj.

En la okazoj kiam la Latinaj literoj ne estas uzataj en la lando kie la folioj estas verkataj, du eldonoj devus esti publikigataj; unu nacia, la alia internacia.

9) Klara distingo devus esti farata inter la montrotaĵoj, konataj per sufiĉe precizaj mezuradoj por ke en la estonteco neniu grava ŝanĝo estu verŝajna, & la kiuj estas neperfekte mezuritaj aŭ nur krude esploritaj.

Proponoj de la speciala Komitato elektita de la Prezidanto de l'Kongreso & enhavanta S-rojn Prof. A. PENCK (Berlin), Majoron CLOSE (London), Prof. W. M. DAVIS (Cambridge, Massachussets), F. SCHRADER (Paris) & Generalon J. de SCHOKALSKY (Sankt-Peterburgo).

### *II. Decido pri preparado de Kartografia Asocio Internacia & pri publikigado de Repertorio grafika.*

En la kunsido de la 1ª sekcio, la 29ªⁿ de Julio 1908, S-ro Generalo de SCHOKALSKY el Sankt-Peterburgo proponis la fondon, jam proponitan en la antaŭaj kongresoj de Berlin & de Washington, de Internacia Kartografia Asocio, kiu havus kiel ĉefan celon la alcentrigon de kartografiaj dokumentoj, la unuformigon de la interkonsentitaj signoj sur la kartoj, & aliajn similajn temojn.

En la sama kunsido, S-ro F. SCHRADER el Paris prezentis « Grafikan Repertorion » kiu montras laŭ maniero simpla & klara la neinterrompitan progreson de la esplorado de la tuta mondo. Li montris al la sekcio la manieron uzi tiun « Repertorion », kiu povas esti alplenigata laŭ la lastaj informoj per komuna agado de la Geografiaj Societoj & de diverslandaj geografoj, & proponis al la Kongreso la alprenon de tiu praktika rimedo por la geografia informserĉado.

Laŭ propono de S-ro Prof. W. M. DAVIS, el Cambridge (Mass.), la 1ª sekcio voĉdone akceptis decidon petantan la Prezidanton de l'Kongreso elekti Komisiitaron el inter la ĉeestantoj ĉe tiu kunsido, por studi, dum la Kongreso, la proponojn de S-roj de Schokalsky & Schrader, & prezenti en la ĝenerala kunsido raporton pri la partopreno kiun povus havi la Kongreso en la realigo de tiuj proponoj.

La Prezidanto de la Kongreso elektinte la Komisiitaron & doninte al ĝi la rajton alpreni novajn membrojn, la Komisiitaro elektita de li havas la honoron prezenti la jenajn dezirojn :

1ᵉ) la propono de S-ro Schrader pri « Grafika Repertorio » estu akceptata ;

2ᵉ) la Komisiitaro daŭru kiel permanenta komitato de la Kongreso, kun rajto alpreni decidojn por la publikigo de l'« Grafika Repertorio » ;

3ᵉ) la agado proponita de tiu Komisiitaro, kunigita al tiu proponita de la Komitato por la Karto de l'mondo je 1 : 1 000 000, estu konsiderata kiel la unua & la plej praktika vojo al la verko de la Internacia Kartografia Asocio.

Se tiuj tri proponoj estos akceptataj de la Kongreso, la Komisiitaro proponus labori jenmaniere :

*a*) Prepari planon por la ĝenerala publikigo de la Grafika Repertorio ; taksi la koston de la publikigo de sinsekvaj eldonoj de la Repertorio sub la prirespondeco de kelkaj eldonistoj de geografiaj kartoj ; fiksi tiamaniere la prezon laŭ kiu la Repertorio povus esti liverata al la subskribontoj.

*b*) Inviti la ĉefajn geografiajn Societojn publikigi en siaj organoj specimenan, elektitan de la Komisiitaro folion de la Repertorio tia, kia ĝi estas preparita de S-ro Schrader, aldonante klarigan tekston preparitan de la Komisiitaro, & informojn pri la kondiĉoj laŭ kiuj la Repertorio povus esti liverata al la subskribontoj.

*c*) Eventuale komenci la publikigon de la Repertorio, se, laŭ la opinio de la Komitato, la subskriboj estas sufiĉe multaj por garantii la entreprenon.

*d*) Trovi kunlaborantojn por ke la Repertorio enhavu ĉiam la plej jusajn informojn.

Proponoj de la speciala Komisiitaro, nomita de la Prezidanto de la Kongreso & enhavanta S-rojn F. Schrader (Paris), Bartholomew (Edinburgh), Prof. G. Hellmann (Berlin), Kapitanon Lyons (Cairo), Majoron Roncagli (Roma), Prof. E. Oberhummer (Wien), Bryant (Philadelphia), Subkolonelon Held (Bern), Prof. A. Penck (Berlin), Generalon J. de Schokalsky (Sankt-Peterburgo) & J. Scott Keltie (London).

### *III. Internacia Oficejo por geografia konsilado je la profito de l'komerco.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio, laŭ la propono de Majoro Roncagli, delegito de la Itala Societo Geografia, komisias al la Prezidantaro de l'Kongreso elekti internacian Komisiitaron, kiu havus la jenan taskon :

1ᵉ) Studi organe la projekton de *Internacia Oficejo por geografia konsilado je la profito de l'komerco.*

2ᵉ) Verki la programon & la detalojn de internacia Konferenco de delegitoj de la Geografiaj Societoj & de similaj asocioj, de la grandaj oficialaj organizoj de la komerco, de la superaj Institutoj de komerca instruado, &c., &c,

3ᵉ) Inviti la geografiajn Societojn nomi delegitojn & funkcii siavice por

inviti la aliajn instituciojn antaŭe cititajn, ĉiu interne de la lando al kiu ĝi apartenas.

Propono de Majoro RONCAGLI (Roma).

N. B. — La Prezidanto de l'Kongreso tuj kreis la Komisiitaron elektante Majoron RONCAGLI (Roma), Prof. G. BLONDEL (Paris), G. G. CHISHOLM (Edinburgh), E. DUBOIS (Antwerpen) & D-ron L. FRIEDRICHSEN (Hamburg). Al tiuj nomoj oni devas aldoni tiun de D-ro Arthur de CLAPARÈDE (Genève), Kongresa Prezidanto, invitita de la Delegitaro mem eniri en la Komisiitaron.

### *IV. Internacia Polusa Komisiitaro.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio esprimas la deziron vidi la interesatajn registarojn studi plej bonvole la pri aliĝo al la *Internacia Polusa Komisiitaro* peton, kiu estos baldaŭ sendata al ili de la provizora Komitato de tiu Komisiitaro.

Propono G. LECOINTE (Observejo de Uccle, Belgujo).

### *V. Sistema esplorado de la polusaj regionoj.*

La Naŭa Internacia Kongreso de Geografio, konstatante ke la solaj ankoraŭ netuŝitaj kampoj por la geografia esplorado estas la regionoj ĉirkaŭantaj la polusojn de la terglobo, deziras esprimi la gravecon kiun ĝi aljuĝas al la kompletigo de la sistema esplorado de la polusaj regionoj.

Estas tre dezirinde, ke la spertoj faritaj de scienculoj & oficiroj kiuj partoprenis en la lastaj antarktaj esploradoj estu uzataj senprokraste por plenigi la resultatojn jam ricevitajn de ili.

Propono Henryk K. ARCTOWSKI (Bruxelles).

### *VI. La Eŭropa Komitato je Danubo.*

La Naŭa Internacia Kongreso de Geografio deklaras ke estas dezirinde ke la funkciado de la Eŭropa Komitato je Danubo daŭru ĝis la tempo kiam sur la tuta longo de tiu riverego & por ĉiuj nacioj la libereco de la ŝipveturado fariĝos realeco.

Propono E. PORUMBARU (Bukaresto).

### *VII. Represigo faksimile de la malnovaj kartoj.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio esprimas la deziron ke la Geografiaj Societoj bonvolu klopodi por interesi la registarojn de siaj landoj al la restarigo de la kartografiaj dokumentoj de la Antikvaj Tempoj, de Mezepoko & de Renesanco, dokumentoj je tre granda scienca valoro, kiujn la tempo minacas detrui.

La Kongreso elektas S-rojn O. NORDENSKJÖLD, K. MILLER, G. MARCEL, E. OBERHUMMER & C. PERRON, membroj de Komitato kiu havos la taskon al-

centrigi la rezultatojn ricevitajn en tiu fako, prezenti al la venonta Kongreso katalogon kiu montros la ĝeneralan situacion de la represigo de la malnovaj kartoj faksimile, & difini laŭ ordo de graveco la dokumentojn kartografiajn kies restarigo estus pli speciale dezirinda.

La komitato povos alpreni elekte aliajn membrojn apartenantajn al la diversaj landoj, kiuj posedas kartografiajn dokumentojn.

Propono de la speciala Komitato elektita de la 1ª sekcio (geografio matematika & kartografio), konsistanta el S-roj C. Perron (Genève), de Martonne (Lyon), O. Nordenskjöld (Gothemburg), E. Oberhummer (Wien), F. Schrader (Paris) & Schüle (Bern).

N. B. S-ro Prof. Oberhummer en Wien (III, Alserstrasse, 28) bonvolis akcepti la taskon alcentrigi la kartografiajn dokumentojn pri kiuj laboros la Komitato.

### *VIII. La leĝa horo.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio esprimas la deziron :

1ᵉ) Francujo akceptu la sistemon de la horaj fuzeloj, ĝenerale alprenitan & havu kiel leĝan horon tiun de la meza tempo de Paris, prokrastitan je 9 minutoj 21 sekundoj ;

2ᵉ) ĉie la numerado de la horoj de l'tago estu de 0 al 24, de noktomezo al noktomezo.

3ᵉ) ĉiuj horloĝoj videblaj de la publiko, ankaŭ tiuj interne de la fervojaj stacidomoj estu reguligitaj laŭ la leĝa horo.

Propono E. Nicolle (Lille).

### *IX. La skalo de la kartoj.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio opinias ke estas necese ke ĉiu karto donu informon pri sia meza skalo.

Propono de Generalo J. de Schokalsky (Sankt-Peterburgo), korektita de la Delegitaro.

### *X. Uzado de la senfadena telegrafio por la scienco.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio esprimas la deziron, ke la diversaj registaroj interkonsentu por realigi & kompletigi la de la Akademio de Sciencoj & de la Oficejo de la Longitudoj de Paris projekton, por la sendado de la horo & la kalkulo de la diferencoj de longitudoj per la senfadena telegrafio, tiel sur maro por la profito de la ŝipveturado, kiel surtero por la profito de la astronomio, de la geografio & de la scienco ĝenerale.

Propono D. Eginitis (Observejo de Athen).

### *XI. La planoj de urboj.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio deklaras ke estas dezirinde ke sur la planoj de urboj la teraĵo estu kiel eble montrata per nivelkurboj aŭ streketoj, kiel sur la topografiaj kartoj.

Propono de E. Oberhummer (Wien).

### *XII. Kolekto da vidajoj de la formoj de la tera reliefo.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio esprimas la deziron :

1ᵉ) estu kreata kolekto da vidaĵoj de la formoj de la tera reliefo laŭ la projekto prezentita de S-roj J. Brunhes & E. Chaix ;

2ᵉ) por la realiĝo de tiu projekto la prezidantaro de la Kongreso elektu Internacian konstantan Komitaton kiu havus la rajton sin alpleniĝi per elekto & sin organizi laŭbezone ;

3ᵉ) tiu Komitato prezentu en la proksima internacia Kongreso de Geografio plenan planon de la verko & komencon de ĝia realiĝo.

Proponoj J. Brunhes (Fribourg, Svisujo) & E. Chaix (Genève).

N. B. La Prezidanto elektis por partopreni en tiu Komitato S-rojn Prof. Ed. Brückner (Wien), Prof. J. Brunhes (Fribourg, Svisujo), Prof. E. Chaix (Genève), Prof. W. M. Davis (Cambridge, Mass.), J. Epper (Bern), E. de Margerie (Paris), Prof. E. de Martonne (Lyon), Prof. A. Penck (Berlin), Generalon J. de Schokalsky (Sankt-Peterburgo), Prof. Ch. Velain (Paris) & Prof. M. Yokoyama (Tokio).

### *XIII. Studado pri la glaciejoj.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio akceptas la kvar jenajn proponojn :

1ᵉ) La detala & zorgega studado de la glacieja kolektilo estas de nun unuavica necesaĵo por la glaciologio: nutrado, fortranĉo, movo, ŝanĝoj de la dikeco, temperaturo, tavoliĝo, &c., devas esti la temoj por sistemaj esploradoj per ĉiuj taŭgaj rimedoj, kartografio, borado, &c., kiel okazis por la malkolektilo. Konvenos por tiu celo pliperfektigi la teknikan parton, precipe tiun de la boradoj & de la neĝmezuradoj.

2ᵉ) En ĵusa laboro, S-ro F. A. Forel pruvis la tujan & ĉefan influon de la plialtiĝo & plimalaltiĝo de la isotermoj sur la variado de la longeco de la malkolektilo. Konvenus do plenigi la studon de la neĝmezuroj per la glacieja kolektilo stariĝante daŭrajn observadojn termometrajn, higrometrajn & aktinometrajn proksime de la glacieja malkolektilo.

3ᵉ) Ĉar la glaciejaj boradoj estas malrapidaj & multkostaj konvenus ilin ŝpari por la studo de la proksimaj glaciejaj kreskoj, uzante la nunan minimuman periodon por fari detalan topografian planon de la partoj nun nekovritaj el la kuŝejo de l'plej instruivaj glaciejoj, partoj kiujn laŭ antaŭvido estos unue kovritaj per la glacieja kresko.

Tiuj planoj donus ankaŭ informojn pri la ŝanĝoj okazintaj en la glacieja kuŝejo dum tuta periodo de glaciiĝo.

4ᵉ) Konvenus daŭrigi sur la kiel eble plej granda nombro da glaciejoj la studon de la tavoliĝo de la loko de l' kolektilo por pruvi definitive ĝian persistecon aŭ nepersistecon dum la vojaĝo de la glaciejo ĝis la loko de l'malkolektilo; & per la zorga ekzameno de ĝiaj sinsekvaj aspektoj pruvi ĝian identecon aŭ neidentecon kun la folitavoloj bluaj. Estus bone trovi por tio

signon ebligante certan distingon inter la tavoloj bluaj & la cikatroj post-lasitaj de la glacifendoj refermitaj.

Proponoj P. L. Mercanton (Lausanne).

## *XIV. Scienca Esplorado de Oceano Atlantika.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio en Ĝenevo opinias ke la fizika & biologia esplorado de Oceano Atlantika estas unu el la plej urĝaj taskoj de la Oceanografio. Entrepreni tiun taskon ŝajnas kvazaŭ honora devo por la atlantikaj civilizaj ŝtatoj de Eŭropo, Afriko & de Ameriko; tiu tasko estas despli urĝa ke sendepende de la tujaj profitoj de la Atlantika ŝip-veturado estas al ĝi alligataj la interesoj plej gravaj de la fiŝkaptado & de la meteorologio.

Por daŭri la studon de tiu demando la Kongreso elektas internacian Komitaton donante al ĝi la rajton elekti aliajn membrojn. Tiu Komitato devas inter alie starigi tre precizan programon de laboro.

Propono O. Pettersson (Stockholm) & G. Schott (Hamburg).

Sekve la Prezidanto de la Oceanografia Sekcio estas komisiata demandi la scienculojn nomitajn en la jena listo ĉu ili konsentas partopreni en la Komitato.

Li estas petata konigi la decidon de la Kongreso al la interesataj regist-aroj.

*Internacia Komitato de Atlantika Oceano.*

1. L. M. Alberto I, princo de Monaco, Prezidanto de la Komitato.
2. Prof. Otto Petterson, Stockholm.
3. Prof. Gerard Schott, Hamburg.
4. Komandoro C. F. Drechsel, Kopenhago.
5. M. G. Lecointe, Scienca Direktoro de la Reĝa Observejo de Uccle (Belgujo).
6. M. A. Chaves, Direktoro de la Observejo de Insularo Acores, Ponte Delgada.
7. La hon. Charles Walcott, Sekr. Smithsonia Instituto, Washington D. C.
8. Prof. Gilchrist, Capetown.
9. Unu Riprezentanto de Grand-Britujo.
10. » » Arĝentinujo.
11. » » Holando.
12. » » Norvegujo.
13. » » Francujo.
14. Prof. Vinciguerra, Roma.
15. W. B. Dawson, ĉefinĝeniero, Ottawa.
16. Prof. Krümmel, Kiel, kiu prezidis la Oceanografian Sekcion ĉe la naŭa Internacia Kongreso.

## *XV. Oceanografia Esplorado de Meza Maro.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio konsentas pri la utileco de oceanografia esplorado de Meza Maro, precipe laŭ la vidpunkto de l'intereso al la maraj fiŝkaptadoj, & donas al speciala Komitato la taskon kun-

voki teknikan konferencon en kiu estus reprezentataj ĉiuj Mezamaraj ŝtatoj por studi la programon de tia laboro & la rimedojn ĝin efektivigi.

Propono de VINCIGUERRA (Roma).

Sekve la Prezidanto de la Oceanografia Sekcio estas komisiata demandi la scienculojn nomitajn en la jena listo ĉu ili konsentas partopreni en la Komitato.

La Prezidanto de la Oceanografia Sekcio estas petata konigi la decidon de la Kongreso al la interesataj registaroj.

*Komitato de Meza Maro.*

1. L. M. Alberto I, princo de Monaco, Prezidanto.
2. Prof. CORI, Trieste, por Aŭstrio.
3. D^ro REGNARD, direktoro de la Instituto oceanografia, Paris, por Francujo.
4. Majoro NAVARRETE, Madrid, por Hispanujo.
5. Prof. VINCIGUERRA, Roma, por Italujo.
6. Unu riprezentanto de Grand-Britujo.
7. » » Rusujo.
8. » » Rumanujo.

Kun la rajto elekti aliajn membrojn el aliaj interesataj nacioj.

## *XVI. La nomigo de la Lago Ĝeneva.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio, post aŭdo de la raporto pri la ofta ŝanĝo de la nomo de Lago Ĝeneva aŭ Lago Lemana, esprimas la deziron ke de nun ambaŭ nomoj (Lago Lemana aŭ Lago Ĝeneva : Lago de Ĝenevo aŭ Lago Lemana) aperu sur ĉiuj kartoj. Tiu deziro estos sendata al la Svisa Topografia Federa Oficejo, & ĉiuj grandaj eldonejoj de Svisujo & de fremdlando estos invitataj ĝin sekvi.

Propono L. ROUX (Ĝenevo).

## *XVII. La transskribo de la Geografiaj nomoj.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio decidas elekti Komitaton de sep membroj komisiatan studi je ĉiuj vidpunktoj la demandon pri la transskribo de la geografiaj nomoj, interrilatiĝante kun la personoj & la sciencaj societoj kompetentaj, kaŭzante pri tio diskutadon en la speciala gazetaro por prepari plenan raporton tiamaniere ke la proksima Kongreso povu alpreni definitivan decido pri tiu grava demando.

Proponoj RICCHIERI (Milano), CHISHOLM (Edinburg), CORDIER (Paris) & SIEGER (Graz).

La funkcioj de la Komitato finiĝos unu jaron antaŭ la kunveno de la proksima Kongreso & ĝia raporto estos publikigata je tiu dato.

Propono René DE SAUSSURE (Ĝenevo).

La komitato konsistas el S-roj CHISHOLM (Edinburg), CORDIER (Paris), PENCK (Berlin), RICCHIERI (Milano), SIEGER (Graz), kun rajto elekti la du aliajn membrojn el kiuj unu Ruso & unu Arabo aŭ Arabisto.

*XVIII. Rilatoj inter la geografiaj Societoj.*

La Internacia Kongreso de Geografio esprimas la deziron:

1ᵉ) la geografiaj Societoj el la tuta mondo havu inter si pli intimajn rilatojn;

2ᵉ) por tiu celo, estu kreata Komitato enhavanta la de la Societoj ĝeneralajn Sekretariojn por prepari programon ebligantan efektivigi tiun unuiĝon;

3ᵉ) la ĝeneralaj Sekretarioj de la Societoj de Berlin, Genève, London, Paris, New-York, Lisbono, Madrid, Roma, Sᵗ-Peterburgo, Wien (Aŭstrio) & Kopenhago havu la taskon organizi tiun komitaton.

Propono O. Olufsen (Kopenhago), modifita de la Delegitaro.

*XIX. La geografiaj nomoj primitivaj.*

La naŭa Internacia Kongreso de geografio, konsiderante ke la unuaj nomoj donitaj devas esti kiel eble konservitaj aŭ remetitaj sur la kartoj, konsiderante la pri tio favoran decidon de la Kongreso internacia de Berlin, eldiras la deziron ke la primitivaj nomoj estu remetitaj kie ili estis laŭregule donitaj.

Propono Grafo de Fleurieu (Paris), modifita de la Delegitaro.

*XX. Enkodigo de la decidoj de la Internaciaj Kongresoj de Geografio.*

La naŭa Internacia Kongreso de geografio, komprenante la profitojn elĉerpi el la laboroj de la antaŭaj kongresoj (& de la nuna Kongreso) ĉiujn dezirojn & decidojn havantajn sciencan & daŭran karakteron kiu donas al ili kvazaŭgravecon de geografiaj leĝoj, decidas komisii al la aga Komitato la taskon publikigi ilin aparte & memorigi al la geografiaj Societoj ke ilia devo estas enkonduki ilin en la praktikon.

Propono Generalo de Schokalsky (St-Peterburgo).

*XXI. Konstanta Komitato.*

La naŭa Internacia Kongreso de Geografio, por certigi la efektivigon de la decidoj alprenitaj, decidas transformi la agan Komitaton je konstanta Komitato komisiita zorgi pri la efektivigo de la deziroj & decidoj de la Kongreso; ĝiaj povoj daŭros ĝis la tago kiam ĝi ilin transdonos al la aga Komitato de la deka Kongreso, kiam tiu ĉi estos organizita.

Propono Henri Cordier, (Paris).

Atestas la ekzaktecon:
*La Prezidanto de la Kongreso,*
Arthur de Claparède, D-ro jur.

(Esperantigis laŭ la originalaj tekstoj R. de Saussure, sekretario de la 14ª Sekcio de la 9ª Int. Kongreso Geografia).

# SOCIOLOGIO

## La Regno de la Romanoj.

*(Sekvo)*

### Ia PERIODO

Bataloj inter patricianoj & plebanoj plenigas la unuan periodon de la Roma historio. Neekstermebla instinkto trudas la homan naturon rezervi al si mem la ĝuojn de la vivo & ŝarĝi proksimulojn per laboro produktanta la ĝuojn. Sama instinkto en modesta situacio penas almenaŭ defendi la fruktojn de propra diligento kontraŭ fremdaj trokaptoj. La homa naturo produktas aŭ rebatas premon. Ĝi konsistas el elastega egoismo, kiu etendiĝas kontraŭ malfortuloj & cedas al fortuloj; materio komparebla kun gasoj & vaporoj, kiuj lasas kunpremi sin ĝis plej malgranda amplekso &, kiam ekdifektiĝis la kaldrono, disŝiras kun terurega eksplodo dikajn ferajn murojn. Ŝajnajn esceptojn prezentas nur tiuj kalkulemaj noblaj karakteroj, kiuj celadas profiton por la granda amaso, subkuŝigante preter tio sian propran; maloftaj, noblaj, sed ĉiam nesufiĉe estimataj estas tiuj, kiuj donas ne esperante dankon.

Tiu ĉi deziro je propra & fremda posedo, alnaskita al la homaro, endigigita nur iome de supertera kristaneca potenco, neniam nepre neigas sin. Sed pli alta kulturgrado de societo kunportas pli bonan ekvilibron inter la apartaj pretendoj de individuoj & de popolklasoj.

La Roma kumunumo, regata unua monarĥie, poste, kiam la oligarĥoj plu ne volis partoprenigi la reĝon, respublike de la patricianaj gentoj de plenrajtaj & originaj burĝoj, etendiĝis ĝis la Latianoj sed ne povis transpaŝi, pro interna malforteco, ĉi tiun mallarĝan limon, eĉ kelkafoje ĝi estis proksima al disfalo, pro grava ekmalsaniĝo.

Nur parto de liberuloj, kiuj apartenis al la originaj grupoj de la unuaj enloĝantoj de Romo, aŭ poste estis akceptitaj en tiujn pro bonhavo & paginte donacon, nome « *ramnes* », *tities* » *&* « *luceres* » (« *primi* » *&* « *secundi* ») « *patres et conscripti* » ĝuadis ĉiujn utilajn rajtojn de ŝtatanaro.

La plebanaro, fremduloj alvojaĝintaj aŭ pli malpli perforte enigitaj, havis pli malgrandajn rajtojn & portis pli grandan ŝarĝon. En simila

situacio, se ankaŭ en pli favora, estis la Latianaj samliganoj, ĉar ili almenaŭ estis protektataj de hejmaj urbokonstitucioj, kiuj estis lasitaj al ili. Sed ĉiuj ĉi duarangaj ŝtatanoj estis armitaj & havis politikan membriĝon. De la tempo de Servius Tullius ili servadis en militistaro; krom tio konstante pligrandiĝis ilia nombro. La senato alvokis ilin al ĉiu milito; post ĉiu militiro, se ne jam dum ĝi, ili faris teruran embarason al la senato, plendante pro reteno de rabaĵo, kiun ĝi devis danki al ili. En pacaj tempoj ili ne volis esti elproprigataj de procentegemaj urbanoj & fariĝi proletarioj en lando, kiu estis okupita per ilia sango. Unuvorte, unu parto de aŭtoritataj ŝtatanoj, kies superantaj interesoj estis ofenditaj, venis en danĝeran opozicion kontraŭ alia parto.

Dum la patricianoj, la senato & ĝia anaro, laŭ nombro, posedo & organizo, restis superaj, la plebanoj nur nekomplete atingis sian celon. Sed poste, kiam renversiĝis la fortrilatoj, kiam la armitaj & ekzercitaj amasoj minacis la registaron jen per malkaŝita perforto, jen per formigro (secesio), tiam la pli malgranda amaso, « *patres* » & « *consules* », kune kun sia klientaro, plu ne povis kontraŭstari. Post persistema ruzoplena opozado venis al la burĝoj kun la kreskanta malforteco la prudento & ilia cedemo sekvigis plenan perdon de iliaj privilegioj.

La du secesiojn de plebanaro sur sanktan Monton *(mons sacer)* en 494 & 450 a. K. kun refojaj minacoj de secesio sur *Veji*'on, la organizon de popolaj tribusestroj post la unua secesio & la intersekvan disvolviĝon de tribusestreco, priskribi ĉi tie, transpaŝus la kadron de jena traktaĵo. Sed estas absolute necese, korekti la esencon de tiuj okazintaĵoj, kiujn malkomprenebligis la retora historiskribado de Titus Livius & de Dionysius *de Halikarnaso*. Niebuhr eksciis unua, kiaspecaj maloj kaŝis sin poster (malantaŭ) la signaĵoj « patricianoj » & « plebanoj » & postaj historiesploristoj, precipe Belot, solvis la malkomprenojn, enigmojn & kontraŭdirojn de tiu plej malklara parto de la Roma historio. Ne estas tio ia disputo inter nobelaro & popolo, sed inter du popolpartoj, unuflanke urba, aliaflanke kampara, ambaŭ gviditaj de aristokrataro. Komence superas la ĉefurba popolo, ĉar la kampara teritorio estas ankoraŭ ne granda & ne sufiĉe enloĝata. Poste la agrarianoj estas la pli fortaj.

Similaj bataloj ofte okazis en Mezepoko inter urboj & iliaj teritorioj. Venecio rezervis sian « oran libron » al siaj originaj burĝoj; ia grafo de la « *terra firma* » neniel valoris al ĝi tiom, kiom simpla nobelo de la « granda konsilistaro ». Venecio povis daŭrigi tiun ĉi ekskluzivan si-

stemon, ĉar ĝi havis dungitajn militistarojn, kiujn ĝi pagis el siaj komercaj profitoj. Male Romo havis nur popolmilicion, kiu, jam de la tempo de SERVIUS TULLIUS, duone konsistis el liberaj kamparanoj el la ĉirkaŭaĵo & el Latianaj samliganoj, kontingentoj el kamparaj urboj. Ne estas do mirinde, ke tiu ĉi popola militistaro, pruvita en militoj, ne toleris en paca tempo rajtmalegalecon & ekonomian elrabiĝon, per kiu la procentegema urbanaro de Romo estis pli ŝarĝonta ĝin.

La secesioj plue nepre ne estas elmigroj & la tribusestreco ne estas magistrateco en komuna senco de tiu ĉi vorto. Tiel, kiel LIVIUS & DIONYSIUS priskribis la secesion sur la Sankta Monto, ne estis ebla tiu okazintaĵo. Estus ia fanfarona, teatra, neebla demonstracio, se la Roma plebanaro, kamparanoj, laboristoj, metiistoj, forlasus subite, meze de vintro, siajn varmajn domojn kamparajn, vilaĝajn aŭ en la stratoj de la urbo sur la sep montetoj, por starigi tendaron sur neloĝebla montosupro, kiu apenaŭ al triono de la citita nombro donas spacon en ekstera aero. Tiel frue ne komenciĝis la montoturismaĉo, & eĉ en niaj tagoj, kiam hoteloj gastame allogas turistojn en nuboregionoj & dentradaj fervojoj trenas ilin supren, nur apartajn grupojn da personoj en la bela sezono ekprenas la migramo.

Tiel malsaĝa demonstracio ne estus timiginta la seriozan, obstinan senaton; ĝi tiom pli malmulte estus intertraktinta kun la strikuloj. Malsato & malvarmo rapide estus returnigintaj la ekskursintojn.

La secesio do ne estis malsaĝa spritaĵo, ĝi estis grava seriozaĵo, ekonomia ŝaktiro tute taŭga, por senigi la patrician senaton de ĝia posedo, do, de sola fundamento de potenco de tiu procentegema grupo da kapitalistoj : La Romaj patricianoj estis, same kiel la urbaj gentoj en Mezepoko, posedantoj de la kampo & de la domoj interne de la urboteritorio. Ili havis en manoj eĉ la moveblan kapitalon, la monon. La plebanoj de la urbo, la malalta popolklaso, enmigrintoj sen ia monero en poŝo, liberigitoj & klientoj, estis tute dependaj de ili, jam pro sia senposedeco. La patricianoj vivis precipe per la laboro de tiuj malriĉuloj, de siaj proŝuldaj servistoj, luantoj & ĝardenfarmistoj. Tiuj malfeliĉuloj estis kutimintaj je ŝuldarestejo & skurĝobatoj; por revolucioj certe mankis al ili kuraĝo & fiereco.

Sed la liberaj kamparanoj & pli gravaj bienhavantoj de la Roma ŝtatoteritorio kondutis tute alie. Tuj, kiam la severega leĝo de procentego estis uzata kontraŭ pli granda nombro da ili, ekvekiĝis korpusa spirito & ili repagis malbonon per malbono. De la monhavantoj, kiuj ilin sufokis, ili fortiris la nutraĵojn. Tion ili faris en jena simpla & aprobita maniero.

Ĉiu urbo naskiĝas & konserviĝas per foira komerco, enfluado de kamparaj produktoj, kiuj estas interŝanĝataj kun produktaĵoj de metia diligento. Kiu translokigas foiron aliloken, tiu devigas la laborantajn metiistojn, la plimulton de urba popolo, transmigri tien. En primitiva societo sen bezonoj ja estas la kamparanoj, vestitaj per feloj & domaj ŝpinaĵoj, pli malmulte devigataj al la urbo ol reciproke la urbanaro al la kamparanoj. Ili ordonas. La metiisto devas manĝi, hejti, li bezonas materialon por sia metio; kien estas portata al li greno, viando, ligno & ĉio alia nemalhavebla, tie li devas loĝigi sin. Aliloke li ne povas vivi, ĉar, se eĉ ekzistus jam stratoj, ĵus la transportiloj, tren- aŭ ŝarĝbrutoj, mankas al li.

La rektan kaŭzon de revolucio prezentis, kiel oni scias, korpa punigo de nobla « centurio », kiu apartenis al la kamparanaro, farita de lia urba kreditoro; almarŝo de ekscititaj kamparanoj, kiuj ekokupis *Aventin*'on, sian delongan fortikaĵon ekster la pordoj de Romo, kuraĝigis amaseton da urba plebanaro, alie tiel humila, ĉirkaŭredutigi sin sur Eskvilino. Tiamaniere komenciĝis interrilatoj inter kamparanoj & la plej malriĉaj urbaj elementoj. La senato celadis gajni tempon per nekredindaj promesoj, la konsulo Appius Claudius siaflanke perdigis per sia krueleco la aferon de la senato.

Tiam migris la kamparanoj sur Sanktan Monton, starigis tie palisaron & deklaris sian intencon organizi la foiron de *Nundinae* tie anstataŭ sur la forumo. Interne de tiu ĉi palisaro lasis la kamparanoj gvardion sufiĉan por ŝirmi tiujn, kiuj intencis starigi tie loĝejojn. Ili kalkulis je malsato, kiu plej baldaŭ aperos en Romo, kiam forrestos la provizantoj; ili kalkulis je rapida, ĉar deviga, almigro de la senmonaj laborantaj popolklasoj el Romo. Ilia kalkulo estis bona, senerare preciza.

En Romo okazis tumulto pro pano; la malriĉuloj forlasis laboron & elrabis grenejojn de la patricianoj; la plej malriĉuloj, kiuj ĵus venis el la ŝuldoturo aŭ plej baldaŭ estis enirontaj tien, ili, kies dorsoj estis plenaj je vundoj de elsuferitaj punoj, forkuris el la urbo & konstruis por si tendaron sur la Sankta Monto, ŝirmite de la kamparana gvardio; ili tie provizore estis nutrataj laŭbezone.

Ili estis forkurintoj sen posedo, sed praktike ekzercitaj en siaj metioj & pretaj daŭrigi siajn metiojn. Unue nur kelkaj centoj aŭ miloj, tamen kerno, el kiu en ia ajn horo nova urbo estis naskiĝonta. Romo, la patricia Romo, ankaŭ estis fondita de homoj, kiuj ne estis elektitaj el la eleganta nobelaro. La mito tre malproksima de tio, alkalkuli ilin al bona societo, eĉ parolis pri vagantoj.

Tia fino timigis la senaton; ĝi timis ekstremon & subigis sin. Pli longa hezitado estus samvalora kiel financa ruinigo. La domoj donis neniajn luprezojn, la ĝardenoj neniajn farmprezojn, la kapitaloj neniajn procentojn. La amaso da ŝuldantoj minacis foriri plej proksiman citadelon. La kreditoroj, kiuj ĝis tiam povis arestigi, trovis sin nun ekster pordo & mokataj de homoj sur remparo, al kiuj ili, en sia amo al proksimulo, ne kutimis pruntedoni je malpli ol dekdu procentoj. Kia spektaklo! Vidante antaŭ si venontan bankroton, « *patres conscripti* » komencis duflanken intertraktadon : unuflanken kun la forkurintoj, aliaflanken kun iliaj kamparanaj protektantoj. MENENIUS AGRIPPA hejmen kondukis la unuajn, post kiam la senato estis garantiinta al ili protektadon kontraŭ iliaj procentegemaj kreditoroj; sed ili restis armitaj & daŭre okupis *Eskvilin'*on malkonfidante al la senato. Male la kamparanoj & iliaj ĉefoj daŭrigis kuraci la patricianan Romon per malsato; ili dezertigis ĝian plej proksiman ĉirkaŭaĵon, organizis foiron sur *Aventin*, ĝis kiam la senato, komplete malfortigite, repaciĝis kun ili kvazaŭ kun eksterlandaj potenculoj.

La tribusestreco estas & restas tute alio ol ia magistrateco; ĝi estas plena regnestreco. La kampara teritorio de Romo estis de tiam ŝtato en ŝtato, pli ĝuste, ŝtato ĉirkaŭ ŝtato. La tribusestroj estas korpiĝo & plenrajtaj riprezentantoj de tiu agraria ŝtato. Ilia nedifekteco estas konforma kun la popolrajto. Eĉ pli : ili manuzas regnestran potencon sur la fundo de rivala potenco, en koro de la urbo, sur forumo, kiam la plebanaro kunvenas tie « *tributim* » por konsiladi & decidi. Ĉiuj atributoj de plej alta ŝtata potenco estas je ilia dispono kiel je tiu de la konsuloj, kiam necese, eĉ kontraŭ la konsuloj : « *ius agendi cum plebe, auxilii, intercedendi, prehensionis* ». Ribelado kontraŭ tribusestro farita de ia patriciano en la tribusaj kunvenoj (« *comitia tributa* »), se eĉ nur per unu vorto, estas krimo kontraŭ regnestro; tribuestro kulpigas malamikojn de la plebanaro kiel « *perduelles* » en la tribusaj kunvenoj & igas ĵetegi kondamnitojn, kun la kapo antaŭen, malsupren de la Tarpeja ŝtonego.

Nenia alia respubliko en antikva tempo konis, laŭ mia scio, la institucion de tribusestreco; Romo sola posedis ĝin & venkis ilin ĉiujn. Mi ne timas konjekti tribusestrecon sola kaŭzo, ĉiaokaze daŭra garantio, de nekomparebla & tute aparta sukceso de la Roma ŝtato.

Konvinkaj motivoj direktas mian opinion pri tio. La plebanaro, la kamparanaro, la plej taŭga, plej defendema & plej multnombra parto de la Roma popola militistaro, sen tribusestreco tre baldaŭ estus elrabita

procentege, elproprigita, degradita ĝis nemilitemaj & nepatriotaj « *pauperes* », similaj al la urba hombalaaĵo, « *popellus* », « *vernacula Romana* ». La kamparanaro, la malkara & multnombra popola milicio, ekstermite du centjarojn pli frue, estus doninta lokon al militistaro dungita el liberaj proletarioj & « *capite censi* ». La noblaj riĉaj burĝoj de la Latianaj urboj, la ĉefoj de la kamparanaro, mezvaloraj bonhavaj bienestroj, kavalirorangaj & kavalirposedaj plebanoj, neniam estus akirintaj, sen tribusestreco, pozicion egalan al tiu de la Roma patricianaro & partoprenon en la gravaj registaraj oficoj, do ne estus trovintaj ian utilon je konservado & florigado de la ŝtato. La plebanaro, do la Roma popolo mem, sen tribusestroj, kiuj plivastigis la kontraŭpezon de la ĉefurba influo, la Roma burĝrajto, ĝis la loĝantaro de ĉiu nove akirita teritorio, eĉ ne estus kreskinta laŭnombre post ĉiu venko.

Romo sen tribusestreco estus mortinta pro ostiĝo de sia rigida oligarĥeco de la origina loĝantaro. En la mondo ĝi estus ludinta maksimume rolon, kiu estis destinata en Mezepoko al Firenco, Pizo, Genovo aŭ Venecio.

La tribusestreco savis la fundamenton de la almilita ŝtato, la liberan kamparanaron, kiu laboris propramane, maksimume kun kelkaj servistoj helpantaj, kiu batalis por konservi & pligrandigi sian posedaĵon; ja, ĝi eĉ rezultigis la pligrandigon & etendigon de tiu taŭga por milito popolklaso. Ĝi efikis per konstanta egalpoziciigo de urbo & kamparo, de periferio & centro, ke amo al patrujo & privata profito de ĉiuj Romanoj kompensiĝis. Romo devas danki al tribusestreco sian elaste proporcian, naturan, ne maltrankviligitan kreskadon, la asimiladon de ĉiuj ensorbitaj de ĝi elementoj. Digesto & apetito do restis egalepaŝaj. Ĉar nun por la aŭtoritataj ŝtatanoj, por la liberaj, armitaj, ekzercitaj posedantoj la superantaj interesoj ree fariĝis komunaj, ĝia mirinda ekspansia meĥanismo, sukcese igis sin valora. La principo de la konservado de forto, laŭ kiu ia interna oscilado de molekuloj, la brulega varmego ĉe certaj kondiĉoj povas aliformiĝi movado de maso, valoras ankaŭ en politika vivo. Kiam trankviliĝis en Romo la malamo inter la popolklasoj, ree komenciĝis almilitoj. La interna streĉiĝo estis aliformata ekstera energio.

*(Daŭrigota)* Aloizio Princo LIECHTENSTEIN[1].

---

[1] Kun afabla permeso de l'aŭtoro, tradukis Joh. Schröder *(Wien, Aŭstrio).*

*Korekto :* P. 83, oni anstataŭu *ĝi* per *li* en la tuta dua paragrafo. — P. 84, l. 27, oni forigu vorteton *per*.

# METEOROLOGIO

## Propono esprimi ĉiujn mezurojn de premo atmosfera per ĝeneralaj mezurunuoj de fortoj.

En la Washingtona *Monthly Weather Review* (Monata Vetera Revuo) de Novembro 1908, la konata direktoro de la vetera oficejo en San Francisko, Prof. Mc Adie, publikigas remarkindan proponon. Li deziras ke la Vetera Oficejo de Usono kiel eble plej baldaŭ transiru al centigradoj & metroj por la mezuradoj de temperaturo, vento, pluvo & neĝo, sed ke por la premo atmosfera ĝi liberigu sin el la pure okaza uzado de hidrargo en la barometro & prenu la premon de 760$^{mm}$ aŭ 29,92 anglaj coloj kiel unuon, aŭ por konveno kiel 1000.

La unuecigo de l'mondo meteorologia koncerne la mezurojn & skalojn per la transiro de la Britoj & Amerikanoj al la metra sistemo & centigrada termometro estas ekstreme dezirinda celo. Ankaŭ, oni ne povas postuli, ke tiel vasta sistemo ŝanĝu siajn mezurojn sen konvinki sin de la plena laŭcelceco & bonfondeco de tio, kion ĝi ricevos. Kaj ni ne povas nei, ke nia mezuro de la premo atmosfera ne posedas ankoraŭ tiujn ecojn.

La propono de S$^{ro}$ Mc Adie preni la premon de 760$^{mm}$, jam nun uzatan kiel « atmosfero », en tiu senco, kiel unuon por ĉiuj mezuroj de premo, certe alkondukus kelkan progreson ; tamen tiu « normala premo » estas valoro nur pure arbitra. La meza premo eĉ ĉe nivelo de maro estas tre malsama en diversaj lokoj. Plue la elektita valoro de 760$^{mm}$ estas ligata al la metra sistemo nur per ekstera grando, nome la denseco de hidrargo. Kiam oni liberigas ĝin el tio, ĝi signifas premon da 1033,291 gramoj sur unu kvadrat-centimetro, se la gramo estas konsiderata kiel unuo de forto. Tamen la fizikistoj ĝenerale konsideras la gramon kiel unuon ne de forto, sed de maso, & alprenas kiel unuon de forto ĝian produton per la « normala » akcelo de l'pezeco, t. e. per la akcelo valoranta ĉe 45° de latitudo & ĉe nivelo de maro 980,65 cm. Do en la CGS mezursistemo la stato barometra de 760$^{mm}$ ĉe normala pezeco egalas 1,013,303 unuoj de forto ; 1,000,000 da tiaj unuoj egalus do al hidrarga premo da 750,1$^{mm}$. Tiun valoron oni povas preni kiel unuon & nomi ĝin « 1 malgranda atmosfero » aŭ, kun Bjerknes & Sandstrom[1] » 1 baro. Tiam 1 decibaro estas la premo de tavolo akva, kies dikeco estas 0,98 m. supozante akvon

---

[1] *Beitrage sur Physik der freien Atmosphäre*, eldonataj de Assmann & Hergesell. Vol. 2, pag. 1. (Strassburg, 1906). Komparu ankaŭ Sandstrom & Helland-Hansen en *Report on Norweg. Fish. & Marine-Invest.*, vol. 2, 1902, n° 4, pag. 15, & Knudsen en la « *Bulletin trimestriel* » de la konstata internacia konsilantaro por maresplorado, 1906-07, n° 1, p. 41, n° 2, tab. 14, &c.

distilitan ĉe temperaturo de maksimuma denseco & ĉe normala pezeco, aŭ 1 « megadino » po kvadratcentimetro [1]. La milibaro estas proksimume $^3/_4$ aŭ pli precize 0,75006$^{mm}$ Hg. Mallongaj signoj kompreneble devas esti formataj laŭmaniere de la aliaj signoj de la metra sistemo, do *b.*, *db.*, *cb.*, *mb.*

Elirante el la ordinara supozo de meza premo da 760$^{mm}$ ĉe nivelo de maro, oni trovas la novan unuon de premo, 1000 mb., ĉe la alteco da 106 m. super maro.

Ĉu oni ne devus alpreni tiun superan nivelon kiel normalan nivelon por la reduktado, anstataŭ suprajo de maro? Tio estas demando nedependa de la enkonduko de l'proponita skalo de premoj. Tamen multo parolas en favoro de tia ŝanĝo. La meza alteco de la stacioj en la veterbultenoj de la germana marobservejo, ekzemple, estas 107 m. forlasante la staciojn de l'suproj, kies barometroj ne reduktiĝas je nivelo. El tiuj stacioj 17 sin trovas sub la nivelo de 100 m., Frankfurt a/M. ĉe 103 m. & nur 11 stacioj super 106 m. Simile estas por la stacioj de la plimultaj ŝtatoj, por kiuj do la nova normala nivelo estus en la atmosfero, kie la premo kalkulata havas realan sencon; dum nun ankaŭ por ili la nivelo de reduktado estas en la tero, kie la « premo atmosfera » ekzistas nur kiel valoro de kalkulo & la temperaturo uzata en tiu kalkulo ankaŭ havas nenian realecon. Por la ceteraj stacioj la tiaj deformigoj almenaŭ estas plimalgrandigitaj. Ni povas eĉ bedaŭri, ke la nivelo de la mezurunuo ne estas ankaŭ iom pli alta, ĉar la distribuo de la premo en kelkaj centoj da metroj super la tero estas ĝenerale multe pli grava, ol tiu ĉe la suprajo de l'tero mem. La subaj aermasoj ankaŭ en la malaltaj ebenaĵoj treniĝas ja grandparte per la superaj, t. e. ili ricevas la impulson plejmulte per malsuprenirintaj aermasoj, ĉar apud la tero la froto aŭ la kontraŭstaraĵoj estas tro grandaj por spontanea movado.

La deziro redukti la barometrajn sciigojn ĉiame ne al nivelo de maro, sed al iom pli alta nivelo, jam ofte esprimiĝis. Ĝi ne povis plenumiĝi, ĉar ekzistis malmulte da ŝanco por unuiĝi pri tute arbitra nivelo. La nun proponita nivelo ne estas tute arbitra, ĉar ĝi estas la *meza nivelo de la unuo de premo*, kiam ni rigardas, kiel ordinare, 760$^{mm}$ kiel mezan premon ĉe nivelo de maro. Sed ĉar la lasta nombro estas nur alproksimiga, ni povas pro konveno preni kiel normnivelon anstataŭ 106 m. la altecon da 100 m. & kalkuli la distancojn de la stacioj al tiu lasta nivelo.

---

[1] Por fizika geografio oni povus preferi alpreni kiel unuon la premon de akva tavolo de tuta metro da dikeco; en aliaj vortoj : meti la normalan akcelon de l'pezeco ne = 981 sed = 1000; tamen tiele ni foriĝus de la pura C. G. S.-sistemo. Pro tio la Skandinavaj sciencistoj kalkulas en oceanografiaj esploradoj ne per simplaj, sed per « dinamikaj » metroj da cirkaŭe 1,02 m. je longeco. La per la C. G. S.-sistemo granda gajno estas, ke nun la premo, la froto & la forto devenanta de l'terrotacio estas esprimataj per la sama racia unuo.

Sed unu el la ĉefaj motivoj por la propono de Prof. Mc Adie estas la intereso de l'ĝenerala publiko. Li diras, por pravigi sian proponon, ke tiam la publiko multe pli facile povos sin fari ideon pri la valoroj de premo, ol nun, ĉar la nombro 760 ŝajnas al ĝi tute arbitra; ni povas aldoni : des pli arbitra, ke la publiko ordinare konas nur aneroidon & tute ne pensas pri hidrargo. « Se tiam ekzemple homo de komerco legos 1009, li scios sen kalkulo, ke la premo atmosfera estas 9 milonoj super ĝia normala stato. Hodiaŭ ĉe barometra stato da 30,20 coloj eĉ ano de veteroficejo devas preni paperon & krajonon por elkalkuli tion ».

Ni ne devas forgesi, ke tio praviĝas nur por la premoj reduktitaj al nivelo de maro. Se la premoj reduktiĝos en niaj veterbultenoj al la nivelo de 106 aŭ 100 m. super la maro, tiam la profitoj citataj de Prof. Mc Adie okazas ĵus kun mia propono & por montraĵoj barometraj sen ia reduktado la komparo kun ambaŭ punktoj estas tre malekzakta; por lokoj sub 50 m. de alteco tiu de Mc Adie estas la pli bona, por lokoj pli altaj la mia. Sed tiu demando ŝajnas al mi malgrava kompare kun la granda profito de racia mezuro, taŭga tiel por la scienco, kiel por la tekniko.

La jena vico da nombroj montras la tradukon de kelkaj valoroj de la proponata mezursistemo en tiuj de la nun uzata. Ĉe nivelo de 100 m. la premo tre malofte transiras la limojn de 940 & 1040 mb., kiujn ni por tio ankaŭ aldonas tie ĉi :

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| mb : | 200 | 400 | 600 | 800 | 940 | 1000 | 1013,3 | 1040 | 1070 |
| mm : | 150,0 | 300,0 | 450,0 | 600,0 | 705,0 | 750,06 | 760,0 | 780,1 | 802,6 |
| coloj : | 5,91 | 11,81 | 17,72 | 23,62 | 27,76 | 29,53 | 29,92 | 30,71 | 31,60 |

Oni ne povas atendi, ke la landoj mezurantaj la premon atmosferan per milimetroj ŝanĝos ilian sistemon sen forta ekstera motivo. La supereco de la nova sistemo kompare kun la nuna ne estas sufiĉe granda; oni certe malfacile decidiĝos ekskui la fine atingitan vastan akordiĝon per nova revolucio; ankaŭ oni ne volos ŝarĝi sur sin la malagrablaĵojn de la transirado sen sufiĉe forta kaŭzo. Tamen se la nacioj, uzantaj la anglan mezursistemon, antaŭirus en tiu direkto & se oni havus bonan ŝancon atingi per tiu propono tutmondan interkonsenton en la mezuroj meteorologiaj, la landoj de la metra sistemo verŝajne volunte akceptos tiujn tempajn malagrablaĵojn por atingi tian grandan progreson. Sed ni povas atendi tion nur se per tio kreiĝus vere racia unueca sistemo; por pure empirikaj helpiloj unueco ne atingiĝos.

La reformo unue bezonas esti enkondukata nur en meteorologion. La tekniko, la fiziko & la ĥemio verŝajne ankaŭ ekuzos baldaŭ la diversajn profitojn, kiujn la nova sistemo alportas al ili; sed ni povas lasi tion al estonteco & la meteorologio ne devas atendi ĝeneralan interkonsenton inter ĉiuj branĉoj de la scienco, antaŭ komenci la reformon.

Prof. Dro W. Köppen,
*Hamburg (German.).*

# BIBLIOGRAFIAJ ANALIZOJ

**La Mondo kiel volado & imagado** de Arthur SCHOPENHAŬER, parte tradukita Esperanten. — ANTAŬPAROLO DE LA TRADUKINTO: Ofte oni aŭdas negermanajn scisoifajn klerulojn plendegi pri tio, ke eĉ nun la skribaĵoj de la grandaj germanaj filozofoj ankoraŭ ne estas igitaj alireblaj aŭ entute neniam *povas* al ili iĝi alireblaj. La Amerikano EMERSON iam estis lerninta la germanan lingvon, nur por legi la Faŭst'on de GŒTHE en la originala teksto. Sendube la rezultoj de la germana filozofa esplorado estas sufiĉe valoraj, gravaj & potencaj, por ke oni kuraĝe povas aserti, ke tiu, kiu ilin ne ekkonis, nur estas duone vivinta, & ke la fundamenta ellernado de la germana lingvo valorus jam pro ili sole. Sed por tiu celo, malfeliĉe, la plena estreco pri tiu lingvo nepre ankoraŭ ne sufiĉas, ĉar KANT & kelkaj gravaj post-Kant'aj filozofoj estas eĉ al multegaj Germanoj « libro kun sep sigeloj » & ĝueblaj & digesteblaj nur al la proprasence faka filozofo. Tamen ekzistas feliĉe almenaŭ kelkaj malmultaj gravaj skribaĵoj de germana filozofio, kiuj estas certe kompreneblaj ankaŭ al la klera « *laiko* » & iĝis komuna posedo de la germana klerularo. Por kia pli bela, pli rekompenca tasko la nova helplingvo nu povus esti komisiata ol por tiu, igi alireblaj perbona traduko tiujn, kvankam malmultajn, juvelojn al la pensantaj kleruloj de la tuta kultura mondo? Estus unua belega sukceso & granda rezulto de la nove elpensita lingva ilo, tiamaniere partoprenigi la tutan homaron al la grandioza pensmondo, al la profundaj problemoj tie ĉi disvolvitaj & pli-malpli al la solvo alproksimigitaj. Al tiuj ĉi perloj de la germana filozofio kompreneblaj al ĉiu pensanta klerulo, estas unuavice alkalkulindaj la verkoj de Arthur SCHOPENHAŬER, naskita en *Danzig* la 22$^{an}$ de februaro 1788, needziĝinte mortinta en *Frankfurt am Main* la 21$^{an}$ de septembro 1860; li estas eble la plej distinga disciplo & plej bona konanto de la senmorta KANT & povis dum sia juneco, kiam li unue eldonis sian ĉefverkon: « La mondo kiel volado & imagado », sin glori pro proksima rilato al la tiam jam maljuna GŒTHE, al kiu li, sendifekte la propran ŝatadon, respektplene suprenrigardis. Schopenhauer nome, komence en la patra komercejo al komerca situacio sin dediĉinte, post la morto de sia patro transmigris kun sia patrino de *Hamburg en Weimar*, la konata restadejo de Gœthe. Kaŭze de la forta vivĝojo & aspirego por beleco, per kiuj Gœthe kvazaŭ grekmaniere distingiĝis[1], efektiva harmonio inter ambaŭ estis ja neebla. Kvankam nome Schopenhaŭer komencis siajn studojn kun la idealista filozofio de la Grekoj precipe kun tiu de PLATON, ili tamen kulminaciis & finis decidege en la pesimisteco de la hinda, precipe budhana

[1] Ekz, Emerson certigis tion per la frazo: « Neniu estis tiel multe kreita por la vivo, & neniu sentis pli grandan ĝojon pro la vivo (ol Gœthe).

filozofio; tial Gœthe, leginte la ĉefverkon de la juna Schopenhaŭer, enskribis en sia libro de memorindaĵoj la jenan signifan verson:

Ni aspiru definitive do kion?
*Kompreni, ne malestimi* la mondon.

La skribaĵoj de Schopenhaŭer distingiĝas, malgraŭ la ofte granda tordeco de la fraza konstruo, per mirinda klareco & travideco, tiamaniere ke la atenta leganto senpere komprenas eĉ la plej profundsencajn problemojn kvazaŭ ludante. Tiun ĉi superecon ni ŝuldas grandparte certe al tiu cirkonstanco, ke nia aŭtoro ne apartenis al la rango de la korporaciaj filozofaj profesoroj, kiujn li tiel ofte superverŝis pro ilia malkapableco, senkaraktereco, malprofundeco &c. kun morda mokaĵo, tial ne havis studentojn kiel lernantoj & disciploj, & estis preferonta, sin turni kun siaj skribaĵoj al la pli granda amaso de ĝenerala klereco. Liaj skribaĵoj restis longtempe neatentataj, nur mallonge antaŭ lia morto, kiam la de li antaŭdirita pereo de la filozofio de Hegel okazis, ili komencis eksciti la ĝeneralan atenton, sed nur *post* la morto de Schopenhaŭer ili trovis tian grandan anaron & disvastigon, kiel *antaŭ* ili nepre *neniaj* aliaj filozofaj verkoj atingis. Certe ankoraŭ aliaj filozofoj iĝis dume famaj & popularaj kiel Eduard von Hartmann kun sia « filozofio de la nekonscio [1] », kiu estas en sufiĉe proksima rilato al la fundamentaj doktrinoj de Schopenhaŭer, kiel plue Friedrich Nietzche, kiu, kun sia « supera homo » & « estra moralo » rilatas al la formondiĝado (mondrezigno) de nia glora pesimisto rekte male, & estas ja diverskolore brilega nova stelo, tamen hodiaŭ jam dubeme paliĝinta. Estas ankaŭ vere, ke la krom tio tro subjektiva pesimisteco de Schopenhaŭer jam ne konvenas al la spirito de nia epoko; sed oni povas delasi tiun pesimistecon, ne esence malutilante liajn *doktrinojn;* tiuj ĉi estas bone fonditaj & tre similaj al tiuj de la Brahmanismo & de la Budhanismo al ĝi parencega, kies altan gravecon li unue en Eŭropo energie estas montrinta & kies esplorado, nomita hindologio, kiel sekvo de tio, nun lavangamaniere larĝiĝadas & interniĝadas. Sed ankoraŭ plie! Tio, kion la malnovaj hindaj saĝuloj *intuitive* [2] ja komprenis & instruis, sed ne povis pruvi logike, la doktrino nome pri la « granda iluzio, » ke spaco, tempo & kaŭzeco fondiĝas sole sur la subjektivaj perceptaj formoj de nia homa spirito, en ĝin ennaskitaj, ke al la ekstera (aperaĵa) mondo *objektiva* realeco do ne estas atribuota, estas science kun matematika certeco pruvita de Kant & lia granda disciplo Schopenhaŭer. Ĉiuokaze oni povas, ne kulpiĝante pro trograndigo, aserti, ke la doktrino de Schopenhaŭer, malgraŭ kelkaj malfortecoj, mankoj & laŭ la hodiaŭa stato de nia scio, eĉ malkorektecoj de la sama, ankaŭ hodiaŭ lumas kun nemalfortigita brilo sur la vojo gvidanta la homan spiriton iom post iom al ĉiam pli granda klareco, al ĉiam pli profunda kompreno de la esenco de la mondtuto.

---

[1] Eble pli korekte: « filozofio *pri* la nekonscio », ne, apude dirate, pri tio kio estas *entute* nekonscia, sed pri tio kio estas nekonscia nur *niasence.*

[2] T. e. sen logikaj konkludoj, do per senpera inspiro.

Kvankam la malmultaj ĉapitroj de mi tradukitaj nur estas fragmentoj de granda konstruaĵo, la rimarkoj de mi tie ĉi & tie alplenige aldonitaj havigos al la leganto, rilate al ĉiuj komprenaĵoj & problemoj gravaj, al ĝi novaj, provizore nepre sufiĉan klarecon & 'donos al ĝi proksimuman imagon pri tio, kion tiu ĉi filozofio volas & plenumas & kien ĝi celas. La unua ĉapitro estas la plej filozofa, & certe pretendas sufiĉe multe la kapablecon & atenton de la leganto, la aliaj ĉapitroj estas pli facile kompreneblaj.

Kiel Sebastian Bach tuj gravuris mem siajn muzikajn kompoziciojn en ŝtalon, tiel ankaŭ Schopenhaŭer estis neskueble plej profunde konvinkita pri la ĝusteco, granda estonteco, nepereeblo & klasikeco de siaj verkoj, malgraŭ la komenca senkuraĝiga malsukceso de la samaj; li do ekz. alvokis foje al sia plej distinga disciplo Frauenstädt kiu okaze de nova eldono de lia ĉefverko arbitre estis al si permesinta kelke da mallongigoj, akre & riproĉplene la parolon: « Pritranĉu viajn dukatojn, sed ne miajn frazperiodojn. » Tiuĉisence & pro ŝindonemo por la respektegita majstro, la ĉeestanta traduko estis farita kun penseble plej granda zorgemo, tiel ke la leganto havas antaŭ si tre ekzaktan reproduktaĵon de la originalo, kiel kredeble ĝi ebliĝus per ia alia *nacia* lingvo apenaŭ pli ekzakte. Ĝi havas tial la permeson pretendi, ke la leganto ne nur tralegu ĝin, sed, fidante ĝin, fervore, pacience & fundamente *studu* ĝin.

Esencan helpon ĉe tiu ĉi tradukado mi ŝuldas al la sinjoroj J. Blaikie el la Londona universitato & F.-J. Havelka el *Teplitz (Bohemujo)* tiel pro ilia bonfara korektado, kiel ankaŭ precipe pro ilia montrado de forigotaj germanismoj, kiujn ili kiel ne germanoj tuj povis rekoni. Plue S-ro D-ro Rudolf Leistner en *Leipzig* havis la afablecon, kiel malnovfilologo, provizi min per ekzakta germana traduko de la latinaj & grekaj citaĵoj. Ĉiujn tri sinjorojn mi korege dankas pro iliaj komplezoj.

Se tiu ĉi timema provo, prezenti germanan filozofion al la Esperantistaro, trovus laŭ mia espero ĝian aprobon & falus en ĝi sur fruktoportan teron, mi estus preta, traduki & komentarii multe pli plenan aranĝon de la verkoj de tiu ĉi glora aŭtoro.

Leipzig, februaro, 1908.

*La tradukinto.*

ENHAVO[1]



[1] Ĉiuj ĉapitroj el la ĉefa verko: « La mondo kiel volado & imagado. »

**A szovatai konyhasos tavaknak geologiai, hidrografiai, fizikai viszonyairol,** de Fr. Schafarzik. — Inter la plej interesaj geografiaj fenomenoj de Hungarlando ni povas diri la sallagojn de *Szováta,* sur kies salakvo surfluas la akvo dolĉa de du riveretoj, & ĝi tiom defendas la salakvon, ke la suno povas ĝin varmigi ofte ĝis 70° C. Alexandro Kalecsinszky solvis fizike tiun problemon, & l'aŭtoro donas la geologian priskribon de tiuj lagoj. Tiuj lagoj, laŭ mezuradoj de l'aŭtoro, ĉiuj havas dolinan devenon. La ĉefa akvokvanto de la *Medve* lago estas en dolino, sed sekve terfalo, la akvo superakvis la ĉirkaŭaĵon ankaŭ. En la sudorienta angulo de la dolino troviĝas truo, sendube ĝia akvoglutejo. La forfluanta akvokvanto, en senpluva vetero, estis po tago ĉirkaŭ 86400 l., & la foririnta salakvo 20850 l. Tiu tre granda kvanto (jare ĉirkaŭ 3850 m³) kaŭzos ankoraŭ ŝanĝojn en tiu regiono, & igas necesaj laborojn, kiuj malhelpas la foriron de tiel grandaj kvantoj, por ke estu rezervita por pli longa tempo tia neordinara geografia fenomeno, & mondfama banejo. (Aperis en la « *Földtani Közlemenyek* »).

Rudolfo Rajczi,
*Debreczen (Hungar.).*

« **La Clinodactylie** » *(Camptodactylies- Déviations des doigts en varus et en valgus).* — La Klinodaktuloj (κλινη, lito; ϑακτυλος, fingro) Kamptodaktuloj (καμπτος, kurba; δακτυλος). — Malrektiĝoj de la fingroj al la ulna & la radiusa flanko — de Ludoviko Dubreuil-Chambardel, membro de l'Asocio de la Anatomiistoj & ano de la Antropologia Societo de Parizo—Vigot fratoj, eld. Parizo, 1908, 54-paĝa volumo kun 21 gravuraĵoj; france—Prezo 1.50 fcs. = 0.60 ₷.

Ne estis ĝis tiam publikigita ĝenerala laboro pri la malsamaj malrektiĝoj de l' fingroj & ilia teorio : tiu manko nun ne plu ekzistas dank' al la laboro de Dro Dubreuil-Chambardel, kiu, per siaj propraj observadoj, per juĝema ekzameno de l'antaŭaj verkoj, alvenas al konkludoj tute aliaj ol la ĝis nun proponitaj.

La Klinodaktuloj ne estas efektive la rezulto de la inflamo & de la skleroso (σκληρος, malmola) de la molaj partoj de la fingroj, kiel subtenis la artritisma, tuberkuloza & infekta teorioj, nek eĉ degeneriĝa stigmato : ili estas nuraj anatomiaj diversiĝoj de l' fingraj ostoj, diversiĝoj kiuj konsistas el oblikveco anstataŭ ortanguleco de la artikaj surfacoj rilate al la fingra akso.

Tiu atingo al kiu multe partoprenas la heredo kiel vidigas multaj observoj represitaj en la broŝuro estas naskiĝa, duflanka & kuracebla, kiam sufiĉe frue oni ĝin ekflegis.

Verko ilustrita per multaj desegnaĵoj & fotografaĵoj, praktike & teorie interesanta.

R. Badert.



# NOTOJ & INFORMOJ

KOMERCO.

**Ĉekbanko Esperantista**, *Merton, Abbey, London, S. W.* — Post ekprovada tempo de kelkaj monatoj la ĉekbanko & ĝia funkciado estas nun definitive pridecidita & praktikeble aranĝita.

La Ĉekbanko celas unue la faciligon de la pagoj inter la diversnaciaj Esperantistoj & komercistoj, & due, prepari la vojon por la ĝenerala akcepto & enkonduko de internacia monunuo.

Ĝis kiam la banko estos sufiĉe forta, por esti transdonata al ia kapitalhava centra internacia instituciо, mi sole respondas por la senriskeco de la mono al ĝi konfidata, & mi garantias la sumojn enpagitajn per mia tuta posedaĵo.

HERB. F. HÖVELER.

REGULARO.

1. — Ĉiu persono aŭ firmo konata de la bankofieistoj aŭ doninta almenaŭ du kontentigajn referencojn povas malfermi ĉekkonton ĉe la banko pagante en sian krediton minimuman sumon da 20 Spesmiloj (20 ₷).

2. — Bankbiletoj de ĉiuj landoj estas akceptataj laŭ la efektiva borsa kursvaloro en la tago de sia alveno en Londono.

3. — La rezultanta angla funtvaloro estos transformata en la internacian monunuon laŭ la kurso de 2.003 ŝilingoj por ĉiu spesmilo.

4. — Post la alveno de iu monsendo la banko per poŝtkarto tuj informos la sendinton pri ĝia ĝusta ricevo & pri la preciza spesmila ekvivalento metita en lian krediton.

5. — Se iu konthavanto deziras eltiri la monon, kiu estas en lia kredito, li povas tion fari, laŭ bezono parte aŭ tute & ne avertante la bankon, per spesmila ĉeko. [1]

6. — La mono metala elpagota de la banko kontraŭ ĉekoj prezentotaj estas la angla ora funto. La cifera sinteza komparilo en la kalkuloj & kontoj, tamen, estos la spesmilo.

7. — La ĉekoj elmontras la sumon per spesmiloj & oni povas pagi per ili la plej malgrandajn sumojn, kiel ekz. la koston de gramatiko, abonon de jurnalo, ŝlosilojn aŭ aliajn propagandilojn. Ĉiuj konthavantoj, firmoj aŭ privatuloj, akceptas ilin plenvalore.

Nomaro de la konthavantoj estas laŭbezone publikigata & inter ili dissendota.

8. — Se oni intencas pagi al firmoj aŭ personoj, kiuj ne posedas ĉekkonton, estas rekomendinde, ankaŭ enmeti, en spacon por tio reservitan, la ekvivalenton de la spesmiloj en angla funtvaloro (unu spesmilo = 2,003 ŝilingoj) ĉar la komercistoj & naciaj bankoj, tra kies manoj la ĉekoj pasas, ĉiam volonte aĉetas & vendas kambiojn & ĉekojn en fremda nacia mono pagotajn, dum nura spesmila ĉeko ankoraŭ estas komerce malfacile negocebla & pro tio ne ŝatata & eble rifuzota de la bankistoj.

Estas ankaŭ rekomendinde eltiri en tia okazo per ĉeko sumojn ne pli malgrandajn ol 10 spesmiloj.

Tiaj ĉekoj estos traktataj same kiel ordinaraj anglaj ĉekoj & ili taŭgas por pagi en angla mono fakturojn de anglaj komercistoj &, ĝenerale, ŝuldojn en Granda Britujo.

9. — Konthavantoj, ĉe kiuj niaj ĉekoj kutimas kolektiĝi, estas petataj, sendi ilin laŭbezone al la ĉekbanko, por ke ni kreditigu la tutan sumon en la propran konton. Ili povas ĉiam disponi pri la mono kreditigita per negocado de ĉeko ĉe sia propra loka banko, kiu traktos ĝin same kiel anglan ĉekon, aŭ petante nin sendi ĉekon en la nacia mono de la konthavanto enkasigeblan ĉe loka nacia banko.

La konthavantoj post malfermo de konto

---

[1] La pago per internacia ĉeko estas la plej oportuna, la plej malkara & la plej senriska en la mondo. Oni povas transsendi la ĉekojn per ordinara letero, ĉar okaze de perdo la dorsa ĝiro & ______________
la transkribo ______________ & Co., malhelpas la uzadon per nerajtigita persono, & faras spesmilan ĉekon senutila al malhonesta trovvinto.

Por ke la sumo de la ĉekoj ne estu falsata estas necese, ke oni tiru strekon antaŭ la spesmila sumo ĝis la loko de la unua cifero Tio malhelpas, ke oni antaŭmetu pluan ciferon. Oni ankaŭ esprimu la subdividaĵon de spesmilo post la signo ₷ ne per spesdekoj sed tricifere per la plej malgranda unuo, la speso, tiamaniere: ——— 2851 ₷ $\underline{\underline{210}}$, &c.

ricevos afrankite ĉeklibron enhavantan 50 ĉekojn. La kosto estas 250 s. metataj en ilian ŝuldon.

*Nomaro de ĉefaj konthavantoj.* — Komitato de la Kvina Internacia Esperantista Kongreso, Barcelona.

Centra Oficejo, 51, Rue Clichy, Paris.

Brita Esperantista Asocio, 133, High Holborn, London, W. C.

Internacia Propagandejo Esperantista, Merton Abbey, London, S. W.

Presa Esperantista Societo, 33, Rue Lacépède, Paris,

Warnier & Cie., 15, Rue Montmartre, Paris.

E. Ĉefeĉ, 45, Christchurch Road, Streatham Hill, London, S. W.

Ricardo Codorniu, Murcia, Hispanujo.

A. Morin, Apartado 2759, Mexico.

D-ro Mybs, 68, Marktstrasse, Altona a/E.

W. H. Case, P. O. Box 326, Manilla.

Universala Esperanta Asocio, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève.

MATEMATIKO

**Internacia numerado**. — La nombrovortoj & la kalkulado prezentas kampon de la nacilingvaj aferoj, en kiu oni verŝajne renkontos plej malmulte da rezistado kontraŭ enkonduko de internacia komuneco, tiom pli ke tio ne malhelpos la paralelan uzadon de la ĝisnunaj metodoj.

Ekzistas certe neniu nacia lingvo, kiu rilate al la elparolo de nombroj estas tute konsekvenca & racia. Ĉie oni konservis restojn de malnovaj kutimoj de l'nombroskribo & de la vortordo en elparolo. Tamen jam de longe oni rekonis, ke tiuj malnovajoj estas ekstreme maloportunaj, ke ili estas fontoj de senfinaj konfuzoj & kalkuleraroj, & entute malprofitigaj malbonaĵoj. En patriarkaj cirkonstancoj de l'komunikoj & laborado tiuj malutiloj estis ankoraŭ elteneblaj, sed kun la grandega kresko de la kalkulaj & prinombraj laboroj en negoco & tekniko, ili fariĝas pli & pli netolereblaj & kontraŭ-raciaj. Kaj ĝuste nun kun la multaj & perfektaj kalkuliloj, nome ĉe laboroj per kalkul-tabeloj & maŝinoj, la plej granda amaso de eraroj devenas de tiu kontraŭ-orda & neregula elparolo de l'nombroj, kiu ne akordiĝas kun la ciferordo de l' nombrobildoj.

En tiu rilato la germana lingvo estas preskaŭ la plej malpraktika. Oni ekzemple konsideru la elparolmanieron de nombresprismo kiel 14 875, kie oni ordinare komencas legi la duan ciferon; poste venas la unua, poste la tria, poste la kvina & fine la kvara. Plej malbone ĝi estas ĉe la dekoj & unuoj. Kiel ofte oni skribas 57, kiam estas diktataj *fünf und siebzig!* Kiel ofte oni eldiras 93, dum 39 estas skribita! Kiel ofte oni aŭde-konfuzas *vierzig* (40) & *vierzehn* (14) &c.! — Precipe tiaj malperfektaĵoj igas la germanan lingvon vere ridinda en la internaciaj rilatoj dum en aliaj monde-vastigitaj lingvoj, ili troviĝas en malpli alta grado. Tamen la angla lingvo enhavas 13 ĝis 19 similajn mankojn & la franca 13 ĝis 16, & nome sian « *quatre-vingt* ».

Antaŭ kelka tempo estis proponata al unu alta germana administracio de l'popola instruo enkonduki en la lernejojn racian nombreldiron, al kiu la infanoj mem nature celas, antaŭ ol la lernejo malkorektigas ilian eldirmanieron, sed oni respondis, ke la tielnomita « ĝusta » eldiro de l'nombroj estas kontraŭ la « lingva spirito ».

Restas do nenio alia, & tio ankaŭ nepre respondas al la kreskanta bezono de komuneco de l'homaj tekniko & interrilatoj, ke apud la popolaj lingvoj estu kreata universale vastigota sistemo de nombrovortoj & kalkulesprimoj & uzota en ĉiuj lernejoj, kunligite kun la unua kalkulinstruo, dum paralele, ankaŭ sur tiu teritorio, la tradicia lingvo por la ordinara vivo restus en uzado.

Esperanto akiros al si grandan meriton sur la ĉefa kampo de la mondlingva movado, nome en la teknika & scienca terminologio, kiam ĝiaj eminentuloj & institucioj kunlaboros por ke la enkonduko de la Esperantaj nombrovortoj en ĉiujn lernejojn, fariĝu celado de ĝenerala & konsekvenca agado.

Mi estas preta kunhelpi science por tio.

Decembro 1908.

Prof. Wilh. Förster,
*Westend-Charlottenburg.*

Nia kunfrato « *Franca Esperantisto* » inter aliaj tre interesaj artikoloj de sia Februara numero publikigas france raporton pri la propono de Prof. D-ro Wilhelm Förster, rilate al Internacia komuneco de la nombrovortoj (publikigita en Germana Esperantisto Januaro).

La redakcio aldonas : La Esperantaj nombrovortoj estas *perfektaj*, oni nur bezonas ilin adopti. Kiam ĉiu scios la nombradon

de Esperanto, oni baldaŭ uzos ĝin praktike por komerco & tekniko, pli volonte ol la nacian nombradon, tiel oni evitos la tiel oftajn erarojn nunajn.

Klare estas, ke se la deziro de Prof. Förster efektiviĝus, granda paŝo estus farita por la vastigado de Esp. Oni unue akceptos la nombradon, oni fine akceptos la lingvon.

Cetere, la momento ŝajnas bonege elektita. La lasta internacia Kongreso de matematikistoj, kiu havis lokon en Romo, en Aŭgusto 1908, decidis organizi vastan internacian enketon pri la instruado de matematiko en ĉiuj landoj. La por tiu celo nomita komitato enhavas la Sinjorojn : Prof. F. Klein de la Universitato en Göttingen, Prof. Sir George Greenhill F. R. S. London, Prof. H. Fehr de la universitato en Genève.

Krom tio, la komitato enhavas naciajn delegitojn komisiitajn por kunigi la dokumentojn de l'enketo en siaj landoj. La francaj delegitoj estas : S-roj P. Appell « membre de l'Institut, doyen de la Faculté des Sciences de Paris », C. A. Laisant, « examinateur à l'Ecole Polytechnique » & Carlo Bourlet, « professeur au Conservatoire National des Arts et Métiers ».

La rezultatoj de tiu enketo estos prezentataj ĉe la proksima internacia Kongreso de Matematikistoj kiu okazos en Cambridge, Anglujo, dum Aŭgusto 1912.

Ĉu tio ne estas senegala okazo por sukcesigi la projekton de S-ro Prof. Förster?

S-ro Prof. Fehr, sekretario de la komitato estas Esperantisto se ne en la praktiko, almenaŭ per la koro. La tri francaj delegitoj estas anoj de la protektanta komitato de « *Franca Esperantisto* ».

Se en ĉiuj landoj, la Esperantistoj turnas sin al siaj delegitoj por ke ili adoptu aŭ proponu la iniciaton de Prof. Förster, la sukceso estas certa.

*(El « Germana Esperantisto », jan. & marto, 1909.)*

**Ekspozicio regiona Galicia.** — Santiago, la 17an Januaro 1909.

Altestimata Sinjoro !

Mi havas la honoron partopreni al vi, ke dum la dua duonjaro 1909, okazos en tiu ĉi urbo, antikva & glora centro de Galicio, tre granda Regiona Ekspozicio, kie oni akceptos kun la produktaĵoj de ĉi tiu lando, tiujn de Hispanujo & de la aliaj nacioj.

Ĉar la Ekspozicioj estas la veraj elmontroj de la naciaj progresoj, ni certe fidas ke la suprenomita estos bona pruvo je kiom signifas niaj industrioj & artoj, & tial la plej efika pero por la propagando de la landaj & eksterlandaj produktaĵoj.

La aliregionaj ekspozaĵoj povas esti premiotaj laŭ la regulo 8a de la ĝenerala regularo jam publikigita.

Ni estus tre kontentaj se vi sendos por nia Ekspozicio ian produktaĵon, kunlaborante tiamaniere al la granda entrepreno de ni akceptita. Helpi nian laboron estas devo por ĉiu amanto de la progreso.

En la sama epoko oni malfermos Arĥeologia Ekspozicio, kie ĉeestos la multaj gloroj & artaj juveloj en Galicio tenitaj. Ni ricevos tutkore la artemulojn, kiuj alvenos rigardi niajn tradiciojn.

Fidante ke vi akceptos la ĝentilan inviton de tiu Komitato, mi restas via sindonema.

La Prezidanto de la « Centra Komitato »,
Pedro-Pais Lapido.

*Rimarko.* — La korespondadon por demandoj vi povas adresi al S-ro Prezidanto de la « Centra Komitato » de la Galicia Regiona Ekspozicio, Coruña. Santiago (España).

# KRONIKO

## pri sciencaj revuoj & societoj diverslandaj.

FRANCUJO

**« Société des ingénieurs civils de France »** (Societo de francaj civil-inĝenieroj). — Kunveno de la 5a de Junio 1908 : S-ro Bergeron pritraktas la ĉefajn punktojn de la *Ekskurso en la minojn de « Lens »*, farita de la membroj de la societo la 1an de junio. — S-ro J. Legrand parolas poste pri la *Ferry Boats* (transportŝipoj por vagonaroj); li traktas precipe la demandon de transport-

ago de vagonaroj inter Francujo & Anglujo. — S-ro BIDERMANN parolas pri la *novaj progresoj de konstruago de presmaŝinoj.*

Kunveno de la 19ª de Junio 1908 : S-ro G. LUMET notas la *rezultatojn de la konkurso de industriaj aŭtoveturiloj.* (La konkurso priparolita estis organizita en 1908 de la Franca Aŭtomobil-klubo). — S-ro GUILLET pritraktas *nunajn emojn de la fabrikago de la alojoj.* Li studas sinsekve la ordinarajn ŝtalojn, la specialajn ŝtalojn, la fero-metalajn alojojn & la kuprajn alojojn.

P. D.

**« La Nature ».** — N° 1853, 21 Novembro 1908 : Lucien FOURNIER : *La direktebla aerŝipo « Bayard-Clément ».* — Grafo M. DE PÉRIGNY : *La industrio de la « Chewing gum ».* — *La hajlo & la elektraj linioj.* — L. DE LAUNAY : *La materio & la etero.* — V. FORBIN : *Konkurso pri flugdrakoj.* — R. BONNIN : *La ventolado & la malvarmigo de la tunelo de Simplon.* — Ch. de VILLEDEUIL : *Franca Akademio de Sciencoj,* kunsido de la 16ª de Novembro 1908. — Jacques D'IZIER : *La solenodo de Saint-Domingue.*

*Aldono :* Informoj : La suna lumizo & la fumo. — La nuna ekspozicio de l'Aeronaŭtiko. — Konservado de la telegrafaj fostoj en Unuigitaj Ŝtatoj. — Nova Katastrofo en la Germanaj minoj. — La Hispana direktebla balono « *Torrès Quevedo* », &c. — Aplikaj Sciencoj : Fotografio. Ludiloj. Higieno. Diversaĵoj. — Diversaĵoj : Utiligo de la feka sterko por la lumizo de la kampaj domoj. — La kanto de la telegrafaj fostoj. — Utilaj receptoj & procedoj. — Meteorologia bulteno. Meteorologia monata resumo.

N° 1854, 28 Novembro 1908. — Will. DARVILLÉ : *La nova haveno de Aleksandrio.* — Em. TOUCHET : *La metamorfozoj de kometo.* — Ch.-Ed. GUILLAUME : *La dioptrio.* — *Kroniko.* — E.-A. MARTEL : *La kluso de Dalnis (Alpes maritimes).* — Sauvaire JOURDAN : *Potenca pumpŝipo.* — G. ROUX : *Modernaj elektraj akumulatoroj.* — *Franca Akademio de Sciencoj, kunsido de la 23ª Novembro 1908.* — M. BLOT : *E.-T. Hamy.*

*Aldono :* Informoj : La senfadena telegrafio & la difino de la latitudo sur maro. — La lunaj observadoj. — Ŝiparoj Germana, Angla, &a. — Aplikaj Sciencoj : Fotografio. Serurarto. Elektro. Ludiloj. Diversaĵoj. — Diversaĵoj : La oro & la minaj produktaĵoj de la Francaj kolonioj. — Fulmotondroj & hajloj dum la varma sezono. — Higieno & bonfarto : Malinfektado de la tukoj. — Utilaj receptoj & procedoj. — Meteorologia bulteno.

Ch. V.

HUNGARUJO

**Földrajzi közlemények** (Geografia Revuo). — Septembro 1908 : Julio HALAN : *H. Kompholty sur la Jan-ce-Kiang.* Tre interese konigas la vojaĝon de H. Kompholty, Hungara marista kapitano, kiu supren ŝipveturis sur la *Jan-ce-Kiang* ĝis la urbo *Ĉung-King,* je longo da ĉirkaŭ 3000 km. Multaj ilustraĵoj faras la priskribon pli gravan. — Kabos HEGYFOKY : *La pluvo en Máramaros departemento.* Detale pritraktas la pluvajn rilatojn de tiu ĉi departemento, kiu la plej grandan kvanton da pluvo & neĝo ricevas en tuta Hungarlando, krom la marbordo. — E. CHOLNOKY : *La pligrandiĝo de la deltoj de la riveroj.* Donas raporton pri la verkoj nove aperintaj, kiuj okupiĝas pri sama temo.

**Növénytani Közlemények** (Botanika Revuo). — Oktobro 1908 : L. SIMONKAI : *L'aceroj kulturaj & senkulturaj de Hungarlando.* Detala difino de l'aceroj, kiuj estas troveblaj en Hungarlandoj, & sur la regionoj al ĝi sudokcidente najbaraj. — G. MOESZ : *La Ciperaceoj (Cyperacae) de la regionoj de Brassó, & de la Rétyi Nyir.* — A. KÉREKGYARTO : *La Eranthis hyemalis en la regiono de Budapest.* Sciigas la trovon de tiu ĉi planto sur la *Hármaskút* monto, kie ĝis nun ĝi ne estis konata.

Rudolfo RAJCZI,
*Debreczen (Hungar.)*

RUSUJO.

**Voĉo de Kuracistoj de 1908.** — Jam dum la Kembriĝa Kongreso pritraktiĝis la demando pri speciala kuracista Esperanta organo. La prezidanto de tiu kuracista kunveno, Prof. D-ro H. DOR el Lyon estis komisiita proponi tiun ĉi entreprenon al unu el la redakcioj de kuracistaj ĵurnaloj en Parizo, *La Semaine Médicale* aŭ *La Presse Médicale.* La postuloj de ia unua (garantio de 14,000 ₷ jare & du konstante kunlaborantaj kuracistoj, kiuj senpage tradukus Esperanten la artikolojn de *La Semaine Médicale* & korektus la presprovojn) estis neplenumeblaj ; la aliaj redakcioj tute rifuzis la proponon. Por efektivigi la aferon oni devis serĉi aliajn vojojn. Tiam D-ro ST. MIKOLAJSKY-redaktisto

de Pola kuracista jurnalo *Glos Lekarzy* en Lwów (Galicio-Aŭstrio) ekintencis dediĉi por tiu-ĉi celo parton de lia jurnalo & faris enketon inter ĝia abonantaro. Tiu ĉi vekis intereson al la entrepreno inter la kuracistoj eĉ ne Esperantistoj. Kuraĝigita li modeste komencis la ĉiumonatan jurnalon *Voĉo de Kuracistoj*, kiu aperadis regule dum 1908. Sed kvankam tiu ĉi grava entrepreno vere ĝuadis *moralan* sukceson, tamen ĝi ne valoris por pagi la ŝuldojn por papero, kompostado, ekspedado, &c. Tial jam en oktobra n° 8 la redaktisto de *Voĉo de Kuracistoj* ekkantis ĝian *Cignan Kanton*. Kredeble tio ĉi instigis multajn kuracistojn Esperantistojn subteni la jurnalon & el ĉiuj flankoj venis nun *realaj* kuraĝigoj; la nombro da abonantoj dum unu monato triobliĝis & ĉiam ankoraŭ kreskas. La jurnalo nun estas forte starigita & ni esperu, ke tiu ĉi grava apliko de Esperanto alportos bonajn fruktojn ne nur por la medicina scienco, sed ankaŭ ĝenerale por disvastigo & uzado de nia lingvo en multaj aliaj specialaj fakoj de scienco.

Dum 1908 jaro *Voĉo de Kuracistoj* enhavis diversajn artikolojn pri: *Moralaj interesoj*. Internacia enketo pri sekreto profesia de kuracistoj. Artikoloj de D-roj Mikolajski (Aŭstrio), L. Zamenhof & W. Robin (Polujo), Prof. D-roj E. Martin & H. Soulier, Ruĝa Societo de juĝa medicino, D-roj Cuisnier, Fromageot, Desmoulins (Francujo), D-roj Sidlovskij & Golimont (Rusujo), D-roj J. Preston Lewis & Richard Legge (Anglujo). D-ro K. W. Millĭcam (Unuigitaj Ŝtatoj). Kodo deontologia de la Ĉambro Kuracista orientagalicia. Konstanta Kuracista Juĝantaro en Rusujo-Artik. de D-ro K. Ŝidlovskij.

2. *Demandoj social-medicinaj*. — Batalado kontraŭalkoholisma en Pruslanda Polujo, Ruĝa Kruco & revolucioj, Savosocietoj en Rusujo, Medicina instruado de virinoj en Rusujo (D-ro Ŝidlovskij).

3. *Materialaj interesoj de Kuracistoj*. — La kuracistaj honorarioj en Varsovio (D-ro K. Bein) & Impostoj de Kuracistoj (D-ro Mikolajski).

4 & 5. *Organizo de Kuracistoj & Movado Esperantista inter ili*. — Artikoloj de Prof. D-ro Diakonov, Prof. D-ro Demosthen, D-roj Wizel, Skalkovski, Mikolajski, Achintre, Robin, Briquet, Thalwitzer, Krukovski & D-ro Prof. Kabanov. Tiuj ĉi du fakoj de jurnalo enhavas interesajn artikolojn pri diversaj organizaj projektoj inter Kuracistoj-Esperantistoj, pri Ruĝa-Kruco & Esperanto, pri Teĥnikaj Vortaroj en Medicino. Pri tiu ĉi lasta speciala demando ni ankoraŭ havos okazon paroli pli detale.

6 & 7. *Diversaĵoj & Korespondaĵoj*, en kiuj estas diversaj informoj, demandoj, klarigoj, proponoj el multaj landoj: Francujo, Germanujo, Rusujo, Polujo, Hungarujo, Hispanujo, Moravujo, Anglujo, Rumanujo, Usono. Brazilujo, Japonujo, Alĝerio, Aŭstralio.

Ĝenerale *Voĉo de Kuracistoj* diversflanke traktadis pri diversaj demandoj moralaj, socialaj & profesiaj, koncernantaj la vivon & agadon de kuracistoj, vekis grandan intereson al Esperanto inter la Kuracistoj en multaj partoj de l'mondo. Ni esperu, ke efektiviĝos la bondeziro de nia kara Majstro D-ro L. L. Zamenhof, esprimita en lia letero al tiu ĉi jurnalo, ke «ĝi estu feliĉa komenco de estonta granda & grava internacia organo de Kuracistoj».

D-ro J. Ostrovski.

---

# KORESPONDADO

## pri la teĥnikaj vortaroj.

**Priskribo de bendo pneŭmatika malmuntebla & akcesoroj.** — Multaj el miaj gelegantoj eble jam konas ĝin sufiĉe, sed antaŭ ĉio mi celas konigi pli la terminaron ol la aferon mem. Mi precipe parolos pri la bendo motorkara & motorkareta sed mi ankaŭ iom parolos pri la cikla.

Kiel ĉiu scias la rado konsistas ĉefe el l'aksingo tra kiu pasas la akso, el la radioj, el la janto ligna & el la janto ŝtala aŭ fera.

En la rado kun bendo malmuntebla, la janto ŝtala estas apartigita de l'janto ligna, & tiu ĉi lasta estas ĉirkaŭpremita per alia speco da janto nomata «freto». La janto

ligna konsistas el janteroj (duonjantoj). La freto servas al la alfiksado de la janto ŝtala per agrafoj (iafoje kojnoj) & klaveto. Oni ŝraŭbfiksas la agrafojn per brustŝraŭbigilo.

La bendo konsistas el la janto ŝtala, la kovrilo, l'aertubo, la sendanĝerigaj ŝraŭboj & la protekta rubando (kiu ne ekzistas en la dikprofilaj bendoj). La janto ŝtala utilas por la muntado de l'kovrilo: por tio oni enkondukas ŝvelajon aŭ hokajon de l'kovrilo en la hokon de l'janto. La sendanĝerigaj ŝraŭboj necesas por firmigi la kovrilon, por malhelpi iĝan memmalmuntiĝon sekve de l'harda fortuzo al kiu la bendo estas submetata. La kapo de l'sendanĝeriga ŝraŭbo estas kovrita per ledplaketo por eviti ŝirojn en la aertubo & la trunko provizita per flugil-ŝraŭbingoj kun gum- & kuproringoj. La protekta rubando jen ronda jen plata protektas la aertubon.

La aertuboj motorkaraj estas ĉiam senfinaj. Ili estas provizitaj per plaketo ĉe kiu estas fiksita la valvo kiu povas esti longa aŭ mallonga.

La valvoj ordinare estas tre malsimplaj. Jen estas kelkaj partoj de ili: la valvokorpo, la ĉapo, la kapuĉo, la ingriveto, la kuglo, la pinglo, la diversaj ringoj ambaŭ gumaj & kupraj, la ŝraŭbingoj, &c.

La kovriloj estas diversspecaj, rondaj kun aŭ sen plando, kun plando plata, malglitigaj (antiglitaj). La kovriloj motorkaraj & motorkaretaj estas hok-randaj.

Krom la plando la kovrilo konsistas el la karkaso, la hokajo, & la noĉo por ellasi la valvon estas la valvonoĉo. En la antiglitkovriloj estas plue ledplando kun najlitaj rivetoj, tial ĝi ankaŭ estas nomata ledplandkovrilo.

En la motorkaretaj kovriloj ni havas specojn apartajn en la rondaj kun aŭ sen plando, t. e. la ekstrafortikaj, fortikigitaj, malpezaj & ekstramalpezaj, eĉ la plata sen plando.

N. B. — Por la cikloj la aertuboj estas jen dufinaj jen senfinaj. La kovriloj estas hok-randaj aŭ verg-randaj & kelkaj provizitaj per radiŝirmiloj. En la bendo nemalmuntebla la freto ne ekzistas & la janto ŝtala estas senpere alfiksata al la janto ligna.

La akcesoroj estas multaj. Unue por la muntado ni bezonas plenan muntilaron, t. e. levilojn diversspecajn, nome : noĉlevilon, hoklevilon, artiklevilon, forklevilon, puŝlevilon, kurblevilon, lamapoglevilon, duoblan levilon, laborlevilon & lignovalvon.

Por enmeti la riparilaron ni bezonas riparkeston aŭ riparvalizon, kiu krom la jam nomitaj muntiloj (aŭ parton da ili), povas enteni : gumsolvajon (ordinaran aŭ rapidsekiĝantan), plastrojn, flikpastilojn akrarandaj, mufgamaŝon kun garnituro & laĉiloj (ŝtalaj aŭ ŝnuraj), ŝparpecojn por valvo skatolon da mastiko, tolojn gumitajn, kunigilojn tubajn, saldlignon, rapidpremantajn ŝraŭbingojn, metalskatolojn je akcesoroj por aertuboj.

Ankaŭ estas necese ke la motoristo kunportu krom tio, kartonajn skatolojn por ŝpartuboj, volvilon nepenetreblan por ŝparkovriloj & diversajn aliajn ilojn nome : krikon kun turnigilo, ŝvelilon kun ledingo, manometron aŭ premmezurilon, najleltirilon, frapŝirmilojn kun alligiloj, &c.

Oni ankaŭ uzas aliajn terminojn. Mi nur donis la plej ofte uzatajn, sed se iu interesiĝus pri tio & dezirus havi novajn terminojn, ĉar mi estas oficisto en Firmo kiu sin okupas speciale pri tio, mi penos starigi tiujn vortojn, kiuj eĉ ne troviĝas en la naciaj vortaroj (sed tamen grandskale uzataj), kiel eble plej akurate Esperanten.

Mi nun donas ĉi sube la tradukon en kelkaj lingvoj de la plejparto de la teknikaj vortoj entenitaj en la artikolo :

Bendo. — (A.) *Tyre*, (F.) *Pneu*, (G.) *Reif*, (I.) *Pneumatico*, (U.) *Tire*.

Motorkaro. — (F. G.) *Voiture*, (A.) *Car* (I.) *Vettura*.

Motorkareto. — (A. F. G.) *Voiturette*, (I.) *Vetturetta*.

Ciklo. — (A.) *Cycle*, (F.) *Vélo*.

Ĵanto. — (F.) *Jante*, (H.) *Llanta*, (P.) *Lhanta*, (L.) *Cantus*, (A.) *Rim*, (G.) *Felge*, (I.) *Cerchio*, (Hl.) *Velg*.

Malmuntebla. — (A.) *Removable*, (F.) *Démontable*, (I.) *Smontabile*, (G.) *Abnehmbar*.

Freto. — (F.) *Frette*, (L.) *Fretus*, (A.) *Hoop*, (G.) *Kranz*.

Ĵanteroj. — (A.) *Fellies*, (F.) *Parties de Jante bois*, (Duonĵanto), (F.) $^1/_2$ *Jante*.

Agrafo. — (F.) *Agrafe*, (A.) *Snap*, (G.) *Klammer*.

Kojno. — (F.) *Coin*, (A.) *Wedge*.

Klaveto. — (F.) *Clavette*, (A.) *Peg*, (G.) *Keil*.

Brust-Ŝraŭbigilo. — (G.) Brustschlüssel, (A.) *Brace*, (F.) *Vilbrequin*.

Kovrilo. — (A.) *Cover*, (I.) *Copertura*, (G.) *Decke*, (F.) *Enveloppe*.

Sendanĝeriga Ŝraŭbo. — (F.) *Boulon de Sécurité*, (A.) *Security Bolt*, (I.) *Chiavarda di Sicurezza*, (G.) *Sicherheitsschrauben*.

Protekta Rubando. — (F.) *Ruban protecteur*, (A.) *Protecting Tape*, (I.) *Nastro prottettore*, (G.) *Felgenband*.

Dikprofila. — (F.) *A gros boudin*.

Ŝvelaĵo, Hokaĵo. — (F.) *Bourrelet*, *Talon*, (A.) *Bead*, (G.) *Wulst*, (I.) *Tallone*.

Hoko (de ĵanto). — (F.) *Crochet (de jante)*, (A.) *Clinch (of the Rim)*, (G.) *Felgen-(haken)*.

Fortuzo. — (F.) *Fatigue*, *travail*, (A.) *Strain*, (G.) *Arbeit*, (I.) *Lavoro*.

Ledplaketo. — (F.) *Plaquette cuir*, (A.) *Leather tap*, (G.) *Leder Plättchen*, (I.) *Piastrella di cuoio*.

Trunko. — (F.) *Tige*, (A.) *Rod*, (G.) *Bolzen*, (I.) *Tronco*.

Flugil-Ŝraŭbingoj. — (A.) *Wing-nut*, (G.) *Flügelmutter*, (F.) *Ecrou à oreilles*, (I.) *Vite a orecchie*.

Ringo. — (F.) *Rondelle*, (A.) *Washer*, (G.) *Rondell*, (I.) *Ruotella*.

Senfina. — (F.) *Continu*, (A.) *Endless*.

Valvokorpo. — (F.) *Corps de valve*, (A.) *Valve Body*, (I.) *Corpo di valvola*, (G.) *Ventilkörper*.

Ĉapo. — (F.) *Chapeau*, (A.) *Cap*, (I.) *Coperchio (di valvola)*, (G.) *Ventilhütchen*.

Kapuĉo. — (F.) *Capuchon*, (A.) *Valve Hood*, (G.) *Kapuze*, (I.) *Coperchio valvola*.

Ingriveto. — (F.) *Rivet-Gaine*, (A.) *Hollow-Rivet*, (G.) *Futteral-Niete*.

Kuglo. — (F.) *Obus*, (A.) *Plug*, (G.) *Kegel*, (I.) *Granata*.

Pinglo. — (F.) *Tige (de valve)*, (A.) *Pin*, (G.) *Nadel*, (I.) *Spillo*.

Ŝraŭbingo. — (F.) *Ecrou*, (A.) *Nut*, (G.) *Mutter*, (I.) *Madrevite*.

Plando. — (F. I.) *Croissant*, (A.) *Tread*, (G.) *Laufstreif*, *Lauffläche*.

Malglitig-Kovrilo (Antiglit-Kovrilo). — (F.) *Antidérapant*. (A.) *Non-skid*, (U.) *Anti-skid*, (G.) *Gleitschutz*, (I.) *Antisdrucciolevole*.

Hok-Randa. — (F.) *A talon*, (A.) *Bead-edged*, (I.) *Con tallone*.

Verg-Randa. — (F.) *A tringle*, (A.) *Wired-on*.

Valvonoĉo. — (F.) *Encoche*.

Ledpland-Kovrilo. — (F.) *Enveloppe à semelle*, (G.) *Doppelsohle Decke*, (I.) *Copertura con sopralzo di cuoio*.

Dufina. — (F.) *Interrompu*, (A.) *Doubleended*.

Radiŝirmilo. — (F.) *Languette*, (A.) *Flap*, (I.) *Pararaggio*.

Akcesoroj. - (F.) *Accessoires*, (A.) *Accessories*, (I.) *Accessori*, (G.) *Zubehörteile*.

Noĉlevilo. — (A.) *Notched lever*, (F.) *Levier à crans*, (I.) *Leve a tacche*.

Hoklevilo. — (A.) *Hooked lever*, (F.) *Levier à crochet*, (I.) *Leve a uncino*.

Forklevilo. — (A.) *Forked lever*, (F.) *Levier-fourche*, (I.) *Leve a forcella*, (G.) *Montiergabel*.

Puŝlevilo. — (F.) *Levier à butée*.

Kurblevilo. — (F.) *Levier coudé*, (G.) *Kniehebel*.

Lamapoglevilo. — (F.) *Levier à béquille*, (A.) *Crutch lever*, (G.) *Krückenhebel*.

Duobla levilo. — (G.) *Doppelhebel*, (A.) *Double lever*, (F.) *Levier à bascule*.

Laborlevilo. — (F.) *Levier d'atelier*, (A.) *Workshop-lever*, (I.) *Leve d'officina*.

Lignovalvo. — (F.) *Fausse valve*, (A.) *Dummy valve*, (G.) *Holzventil*, (I.) *Falsa valvola*.

Riparilaro. — (F.) *Nécessaire de réparation*, (A.) *Repair outfit*.

Gumsolvaĵo. — (F.) *Dissolution*, (A.) *Rubber Solution*, (G.) *Gummilösung*, (I.) *Soluzione*.

Plastro. — (F.) *Emplâtre*, (A.) *Patch*, (I.) *Rappezzo*, (G.) *Pflaster*.

Flikpastiloj akrarandaj. — (F.) *Pastilles biseautées*, (A.) *Bevelled patches*, (I.) *Rappezzi-smussati*, (G.) *Reparatur-Pastillen*.

Mufgamaŝo. — (F.) *Manchon-Guêtre*, (A.) *Gaiter*, (I.) *Manicotto-Uosa*, (G.) *Manschette*.

Garnituro. — (F.) *Garniture* (A.), *Rubber protector*, (I.) *Guarnizione*, (G.) *Gummibesatz*.

Laĉilo ŝtala. — (F.) *Lacet acier*, (A.) *Steel wire lace*, (I.) *Lacciuolo acciaio*.

Laĉilo ŝnura. — (F.) *Lacet septain*, (A.) *Cord lace*, (I.) *Lacciuolo corda*, (G.) *Schnurband*.

Kunigilo tuba. — (F.) *Raccord*, (A.) *Connection*, (I.) *Raccordo*, (G.) *Mundstück*.

Saldligno. — (A.) *Wood baton (for cementing)*, (F.) *Bois (à souder)*, (I.) *Legno (per saldare)*, (G.) *Holz (zum kleben)*.

Ŝpar. — (F.) *De rechange, de réserve*, (A.) *Spare*.

Kriko. — (F. I.) *Cric*, (A.) *Jack*, (G.) *Hebewinde*.

Turnigilo. — (F.) *Tourne à gauche*, (A.) *Wrench*, (I.) *Giro a sinistra*, (G.) *Drehhebel.*

Ŝvelilo. — (F.) *Pompe*, (A.) *Inflator*, (G.) *Pumpe*, (I.) *Pompa.*

Manometro. — (F.) *Manomètre*, (A.) *Manometer*, (I.) *Manometro*, (G.) *Druckmesser.*

Volvilo nepenetrebla. — (F.) *Chemise imperméable*, (A.) *Waterproof Wrapper*, (I.) *Camicia impermeabile*, (G.) *Tasche aus gummierter Leinwand.*

Najleltirilo. — (F.) *Arrache-clou*, (A.) *Nail extractor*, (I.) *Scaccia-chiodi.*

Frapŝirmilo. — (F.) *Amortisseur de choc*, (A.) *Buffer*, (I.) *Paracolpo*, (G.) *Puffer.*

Alligilo. — (F.) *Courroiex*, (A.) *Fastening*, (I.) *Cinghia*, (G.) *Rieme.*

Oni povas rimarki, ke mi nur kreis tri novajn vortojn : *Ĵanto, Freto & Kriko*, kies radikoj ne aperis ĝis nun ĉu en vortaroj ĉu en revuoj. Mi nur konstruis ilin & difinis al preciza objekto.

Ĵanto. — Mi elektis tiun radikon kaŭze de la kvazaŭ kvarlingveco de tiu vorto : (F.) *Jante*, (H.) *Llanta*, (P.) *Lhanta*, (L.) *Cantus*, la plej internacia. Aparta vorto estas necesa ĉar « radrondo » estas ja klariga vorto sed netaŭga & tre malpreciza : la « freto » estas ankaŭ radrondo, eĉ la diversaj rondoj (ringoj) kiuj premas l'aksingon.

Freto. — Mi elektis la vorton Francan ĉar ĝi estas bone Esperantigebla & estas aparta vorto (*hoop* = rondo, *Kranz* = krono). La uzado montras ke speciala vorto estas nepre necesa.

Kovrilo. — Mi preferas tiun vorton, ol « volvaĵo », kiun mi forte malakceptas, ĉar kovrilo estas tuj komprenebla de la Angloj *(Cover)*, de la Italoj *(Copertura)*, de la Germanoj *(Decke)*; ĝi estas internacie konstruita. Plie « volvaĵo » estas tre malpreciza & ne taŭga. Efektive la kovrilo estas ilo por kovri la aertubon. Sed supozante, ke « volvi » estus estinta taŭga por la komponota vorto, oni estus devinta alpreni « volvilo » ne « volvaĵo »; sed mi ripetas, tiu ĉi radiko estas tute forĵetinda : la kovrilo kovras, ne envolvas (por la senco de volvi vidu vortaron Esperanta-Francan de S-ro de Beaufront); kiam la kovrilo, estas envolvita en la volvilo nepenetrebla oni ja povas diri ke ili tiam fariĝas volvaĵo.

Antiglitkovrilo. — Kvankam malglitig kovrilo sufiĉas, mi alprenas tiun novan vorton, kaŭze de l'preskaŭ internacieco de l'prefikso *Anti-* :

(F.) *Anti- (dérapant)*, (U.) *Anti- (skid)*, (I.) *Anti- (sdrucciolevole)* ; mi do pensas (ĉar ĝi ankaŭ ekzistas en aliaj lingvoj), ke ĉe l'unua vido oni komprenos ke ĝi estas kovrilo, kiu ŝirmas pri glitado. Oni ankaŭ povus diri Kontraŭglit-kovrilo. Oni elektu, sed oni povas uzi ambaŭ.

Kiel mi jam diris, ĉar mi estas oficata en Firmo specialigita en tio, mi kredis ke mi estas bone lokita por starigi vortareton teknikan pri vortoj, kiujn oni ne trovas kutime en naciaj vortaroj laŭ tiu vidpunkto, & ke por bone koni ilian sencon estas necese, ke oni sciu perfekte ilian uzon, ĉar mi rimarkis ke ofte oni sin kontentigis pri proksimeco kiam la precizeco estas postulata. Mi do verkis tiun artikoleton, iom seninteresan, sed kiu entenas la ĉefajn terminojn laŭ formo ligita & klariga. Mi estus tre feliĉa ricevi opiniojn & eĉ kritikojn pri tio.

N.- B. — (A) signifas Angle, (F) France, (G) Germane, (I) Itale, (H) Hispane, (Hl) Holande, (P) Portugale, (L) Latine, (U) Usone, tio estas U. Ŝ. de N. A.

H. Sesdef

**Pri geografia vortaro.** — Tre interesa estis por mi la tabelo, ĵus publikigita de D-ro Bein. Tamen mi deziras fari kelkajn rimarkojn, laŭ la principo, ke la nomo devas esti elektata ĉiam laŭ la nacia lingvo de l'popolo, ĉar tiu popolo plej ofte uzos la nomon.

Do mi konsilus uzi ne *Curiĥo* sed *Zuriĥo*, ne *Lejpsigo* sed *Lejpzigo*, ne *Muniĥo* sed *Munĥeno*, ne *Ŝlezvigo* sed *Ŝlesvigo.*

Ankaŭ mi konsilus uzi ne *Jezuo* sed *Jesuo.*

Kun la aliaj partoj de la tabelo mi plene konsentas. Mi kredas ke la konsilataj ŝanĝetoj sin defendas mem.

E. Heydweiller, *Dresden* (Germanujo).

**Pri « da » & « de ».** — En mia artikolo pri risortoj aperinta en la Marta numero de « I. S. R. » mi skribis : « Nun ni transiru al la kvanto de la kunpremiĝo de la risorto », sed oni korektis tion metante *da* anstataŭ la unua *de*. Tiu korekto ŝajnas al mi nebona pro la sekvantaj motivoj.

1. En « La Revuo », vol. I, p. 472, D-ro Zamenhof skribis, « . . . ni eĉ povas simple konsili, ke oni *neniam* uzu *da* autaŭ *la* (escepte en okazoj, en kiuj la senco tion ĉi nepre & tute sendube postulas) ».

2. En la Ekzercaro, D-ro Zamenhof montr-as, ke *da* estas uzata post ia vorto nur kiam tiu ĉi vorto havas signifon de mezuro rilate al la substantivo, kiu sekvas *da*. Ekzemple, en la esprimo, *glaso da vino*, ni parolas pri vino, la vortoj *glaso da* estas uzataj kiel kvazaŭ-adjektivo montranta, ĉu ni priparolas multan vinon aŭ malmultan. En *glaso de vino* ni parolas pri glaso, & la vortoj *de vino* estas kvazaŭ-adjektivo difinanta la glason.

3. La Zamenhofa literaturo plifirmigas la supre aluditan regulon. En la « Fundamenta Krestomatio » ni legas: *Volapük akiris certan nombron da adeptoj*. (P. 244.) *La nombro de la entuziasmuloj atingos certan ciferon & haltos*. (P. 244). *Mi enportis grandegan ekonomion rilate la nombron de la vortoj ellernotaj*. (P. 246.) *Tiamaniere grandega nombro da vortoj fariĝis superfluaj*. (P. 247).

4. Ŝajnas al mi, ke la sola utilo de *da* konsistas el tio, ke dank'al ĝi oni povas fari la supre priskribitan diferencigon. Se oni volas diri, ke post certaj difinitaj vortoj oni devas *ĉiam* uzi *da*, tiam la utileco de la vorto malaperos, & ni havos tiajn frazojn, kiaj: *La biliono da la angloj estas 1,000,000,000,000, sed la biliono da la amerikanoj estas nur 1,000,000,000*. Efektive la korekto al mia artikolo ne rezultis en tia konfuziteco, sed, tamen, la gramatika principo estas tute klara. Mi ne uzis la vorton *kvanto* por priskribi la kunpremiĝon, sed, kontraŭe, mi uzis la vorton *kunpremiĝo* por difini la kvanton prikalkulotan.

La redaktisto ankaŭ forigis kelkajn sufiksojn el mia artikolo: ekzemple la *-iĝ* el *ŝanĝiĝas*, kvankam tie ĉi la sufikso ŝajnas al mi nepre necesa. Kompreneble, la redaktisto havas rajton fari tiajn korektojn, — eĉ la devon, se li kredas ilin bezonataj, — sed estas bone, ke la legantoj sciu, ke li tion faras: alie ili povus ricevi tre malĝustajn impresojn pri la lingvaj opinioj de la kunlaborantoj.

W. W. Padfield,
*Ipswich (Angl.)*.

---

# OFICIALA INFORMILO

*Marto 1909.*

**Monata raporto de la Scienca Oficejo.** — *Itala sekcio*. Laŭ raporto de la nacia sekretario, la Itala sekcio estas nun organizita jene: Sekretario: J. Meazzini, Arezzo (Bibbiena), Campi. Membroj: Clarence Bicknell, botanikisto, Bordighera; Achille Tellini, geologo, Bologna (cas. post. 12); Alfredo Stromboli, ĥemi-meĥanikisto, Brescia; D. F. Faccin, astronomo, Schio; D. G. Bianchini, bibliisto, Udine; A. Mazzolini, desegnisto, Perugia; Giovanni Castiglia, mar-inĝeniero, Palermo.

Ni profitas tiun okazon por diri ke la S. O. tute ne intencas enklasigi & publikigi ĉiujn teĥnikajn vortojn proponitajn. Kontraŭe, ĝi intencas esti tre singarda & akcepti nur la vortojn kiuj estas jam uzitaj aŭ aprobitaj de diverslandaj specialistoj. Tuj kiam vorto teĥnika proponita de unu kunlaboranto estas kritikita aŭ malŝatata de alia samfakulo, ĝi *ne* estas enklasigita en la tirkestoj de la S. O. sed resendata por plua ekzamenado. Tiamaniere ni esperas starigi firman fundamenton por la teĥnikaj vortaroj, akceptitan de ĉiuj; ankaŭ la laboro fariĝos pli facila, ĉar post la publikigo de la unua volumo ĉiuj kunlaborantoj uzos la saman fundamenton, konstante pliriĉigante ĝin & plenigante ĝiajn mankojn.

La ĝenerala sekretario:
René de Saussure.

# GAZETOJ ESPERANTISTAJ

## *I. — SPECIALAJ ĴURNALOJ*

| | Jara abonprezo. (nacie.) | (internacie.) |
|---|---|---|
| **Esperanto**, duonmonata internacia gazeto en Esperanto. Oficiala organo de la *Universala Esperanto-Asocio*. Direktoro: H. Hodler, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svis.) . . . . . . . . | Fr. 4.— | $\mathscr{S}$ 1.60 |
| **Dia regno**, monata organo por la Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj. Eldonejo: P. Hübner, Friedr. Wilhm. str., 66, *Mulheim a/Rhein* . . . . . . . . | Mk. 1.80 | » 0.90 |
| **Espero Katolika**, internacia monata gazeto. Administrejo: 23, rue Joubert *Parizo* (Franc.); (en Francujo: Fr. 4 jare) . . . . . . . . . . . . | Fr. 5.— | » 2.— |
| **Esperanta Ligilo**, monata organo en reliefpunktoj por blinduloj. Ĉefredaktoro: Th. Cart, 12, rue Soufflot, *Parizo (V)* (Franc.) . . . . . . . | » 3.— | » 1.20 |
| **Esperanta Internacia Revuo**, industria, komerca, eksporta, filatelia, reklama & literatura gazeto. Administrejo: Üllöi-út 59, *Budapest*, (Hungarujo) | Kr. 2.40 | » 2.08 |
| **Espero Pacifista**, monata organo de « Pacifisto » (Internacia Societo por la Paco); kun laŭvola enskribo en la societo. Direktoro: G. Moch, 26, rue de Chartres, *Neuilly-sur-Seine* (Franc.) . . . . . . . . . . . . . | Fr. 5.— | » 2.— |
| **Eŭropa Kristana Celado**, monata oficiala organo de Eŭropaj Kristanaj Celadistoj, redaktata Angle & Esperante. Eldonejo: Chs Briquet, rue de la Cité, 4, *Ĝenevo* (Svisujo) . . . . . . . . . . . . . . . . | » 1.80 | » 0.75 |
| **Export Esperantist**, monata organo por eksporto & importo de U. Ŝ. A. Administrejo: 404, Security Building, *Chicago* (Ill.) . . . . . . . . . | $ 1.— | » 2.05 |
| **Internacia Scienca Revuo**, monata; Direktoro: R. de Saussure. Administrejo: Internacia Scienca Oficejo, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svis.) . | Fr. 7.— | » 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, monata. Administrejo: Sro R. Louis, 45, rue de Saintonge, *Parizo (III)*, (Franc.) . . . . . . . . . . . . . . | » 3.50 | » 1.40 |
| **Internacia Pedagogia Revuo**, oficiala organo de la « Internacia Asocio de Instruistoj » (I. A. I.). Por membroj de I. A. I. senpage (membra kotizo 1 $\mathscr{S}$). — Abono por nemembroj, 1,50 $\mathscr{S}$. Red. & Admin.: ĉe Th. Ĉejka, *Bystrice-Hostyn* (Moravio-Aŭstrio) . . . . . . . . . . . . . . . | | » 1.50 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto por junuloj, instruistoj & Esperantolernantoj, 8 paĝoj (18×22), nur en Esperanto. Administrejo: Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, *Parizo* (Franc.) . . . . . . . . | » 2.50 | » 1.— |
| **L'Aero**, ĉiusemajna organo pri aerveturado. Administrejo: 198, rue de Courcelles, *Parizo* . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | » 8.— | » 3.15 |
| **La Bela Mondo**, internacia monata literatura & ilustrita gazeto. Eldonejo: F. Emil Boden, Bismarkplatz 12, *Dresden-A*. . . . . . . . . . . . . | Mk. 6.— | » 3.— |
| **La Revuo**, internacia monata literatura gazeto, 48 paĝoj. Administrejo: Librejo Hachette & Cie, 76, bould St-Germain, *Parizo* (Franc.) . . . . . | » 7.— | » 2.75 |
| **La Spritulo**, internacia monata gazeto por serĉo, humoro & satiro. Administrejo: Bereiter & Meissner, Johanisstrateto, 30, *Leipzig* (Germ.) . . . | Mk. 2.40 | » 1.20 |
| **Le Phare Sténographique**, organe Sténo-Dactylographique et Espérantiste, revue mensuelle illustrée. Administrejo: D-ro H. Hautot, 60, rue des Carmes, *Rouen* (Franc.) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Fr. 3.— | » 1,20 |
| **Lingvo Internacia**, monata organo, 48 paĝoj (13×20) nur en Esperanto. Administrejo: Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, *Parizo* (Franc) . | » 7.50 | » 3.— |
| **Oficiala Gazeto Esperantista**, organo de la Lingva Komitato & de la Konstanta Komitato de la kongresoj. Administrejo: 51, rue de Clichy, *Parizo* (Franc.) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | » 2.50 | » 1.— |
| **Tra la Filatelio**, internacia & ĉiumonata jurnalo. Direktoro: S-ro J. Fize, *Beziers* (Franc.) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | » 2.— | » 0.80 |
| **Voĉo de Kuracistoj**, monata organo oficiala de la Tutmonda Esp. Kuracista Asocio. Redaktejo: Dro Stefan Mikolajski, strato Sniadeckich, 6, *Lwow* (Aŭstrio-Galicio) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Kr. 3.60 | |
| **Welt-Warte**, internacia ilustrita gazeto, oficiala organo de la Internacia Unuiĝo, de la alilandaj societoj, & de la Saksa Turinga Esperantista ligo. Administrejo: « Welt-Warte », Wassersturmstrasse, 29, *Leipzig-St.* (German.) | Mk. 6.— | » 1.50 / » 3.— |

## *II. — NACIAJ PROPAGANDAJ ĴURNALOJ*

| | | |
|---|---|---|
| *Aŭstralio:* **The Australian Esperantist**, monata organo en Angla & Esperanta lingvoj. Administrejo: R. Dossor, Bridge str., *Benalla*, (State of Victoria) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Ŝil. 3.— | » 1.50 |
| *Aŭstrio:* **Informaj Raportoj**, oficiala organo por la ligo de germanlingvaj Aŭstriaj grupoj esperantistaj. Administrejo: K. F. Ahlgrim, *Bandgasse, 31, Wien VII/1* . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Kr. 2.40 | » 1.— |
| *Belgujo:* **Belga Esperantisto**, oficiala monata organo de la B. L. E. Administrejo: Sro Van der Biest-Andelhof, 26, rue de l'Aigle. *Anvers* . . | Fr. 4,50 | » 1.80 |

*(Vidu la sekvantan paĝon.)*

| | Jara abonprezo. | |
|---|---|---|
| | (nacie.) | (internacie.) |
| *Bohemujo :* **Ĉasopis Ceskych Esperantistu**, monata organo de Bohemaj Esperantistoj & de Centra Asocio Bohema Unio Esperantista en boh. & esp. lingvoj. Administrejo : Ed. Kuhnl, Dittrichova ul. 7, *Praha II.* . . . | Kr. 3.75 | $\mathscr{S}$ 1.50 |
| **Ĉesky Esperantista, Bohema Esperantisto**, monata organo, de Bohema Asocio Esperantista en Boh. & Esp. lingvoj. Redakcio Dr. Stan. Kamaryt, *Praha* III. č. 495. Administrejo: Jevičko Moravujo . . . . . | » 4 — | » 1.70 |
| *Bulgarujo :* **Lumo**, monata organo de l' Bulgara Esperantista Ligo. Redaktejo : V. *Tirnovo* . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | » 5.— | » 2.— |
| *Brazilujo :* **Brazila Esperantisto**, organo oficiala de Brazila Ligo Esperantista. Administrejo : Rua S. José, n. 77, *Rio-de-Janeiro* . . . . . . . . | Mr. 3.— | » 2.40 |
| *Ĉilujo :* **Ĉilo Esperantista**, organo propaganda de la lingvo internacia Esperanto, ĉe Prof. Ipolito K. Kontreras, red., Casilla 1989, *Santiago* (Chile) | $ 2.— | » 1.— |
| **La du Steloj**, oficiala organo de la Ĉila Esperantista Asocio. Administrejo: Calle de la Catedral, 1437, *Santiago de Chile*, Casille 728 . . . . . . . . | $ 5.— | » 2.— |
| *Danujo :* **Dana Esperantisto**, oficiala organo de la centra Dana Esperantista ligo. Administrejo: Esperanto Oficejo, Frederiksborgg, 26, *Kopenhago K.* | Kr. 2.— | » 1.10 |
| *Filipinoj :* **Filipina Esperantisto**, organo de la Filipina Esperanta-Asocio, adreso 326, : P. O. Box, *Manila* . . . . . . . . . . . . . . . | P. 2.— | » 2.— |
| *Finnlando :* **Finna Esperantisto**, oficiala, monata organo de Esp.-Asocio de Finnlando. Administrejo : Ilarejo Esperantista, *Helsingfors* . . . . . | Rbl. 1.15 | » 1.20 |
| *Francujo :* **Franca Esperantisto**, monata organo de la Francaj Esperantistoj. Redaktejo & Administrejo : 46, Boulevard Magenta, Paris. (3 fr. jare) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Fr. 4.— | » 1.60 |
| **L'Informilo**, propaganda trimonata folio, organo de la Esperantistaj grupoj de franca lingvo, Redakcio & administrejo: 8, rue de Rome, *Calais* . . . | | |
| **Paris-Esperanto**, monata organo de l' Grupo Pariza, en Franc. & Esp. lingvoj. Sek. : V. Chaussegros, 3, Place Jussieu, *Parizo* . . . . . . . . | » 1.50 | » 0.60 |
| **Le Monde Espérantiste**, monata gazeto. Administrejo : 3, rue Sophie-Germain, *Parizo* (1.25 fr. jare) . . . . . . . . . . . . . . . . | » 2.— | » 0.80 |
| **Norda Gazeto**, monata bulteno de la federacio de l'grupoj Esperantistaj de norda Francujo. Administrejo : E. Deligny, B[d] Vauban, *S[t]-Omer* . . . . | » 1.— | » 0.40 |
| **Normanda Stelo**, monata bulteno eldonita de la Grupo Esperantista de Rouen. Redaktejo : S-ro M. Liebard, 41, rue de la Vicomté, *Rouen* . . . . | » 2.50 | » 1.— |
| **Sarta Stelo**, monata organo de la Esperantista Sarta grupo. Redaktejo: M. Lepelletier, rue Scarron, 14, *Le Mans* . . . . . . . . . . . . | » 1.— | » 0.40 |
| *Germanujo :* **Germana Esperantisto**, oficiala monata organo de la G. E. S., en Germ. & Esp. lingvoj. Oni abonas ĉe Esperanto Verlag Möller & Borel, 18-19, Lindenstrasse, *Berlino*, & ĉe Hachette & K[o], *Parizo* . . . . . . | Mk. 3.— | » 1.50 |
| **Germana Esperanto-Gazeto**, aperas la 5-an & 20-an ĉiumonate. Eldonejo : H. Wuttke, Pionierstrasse, 21, *Magdeburg* . . . . . . . . . | » 4.— | » 2.— |
| **Eĥo Esperantista**, monata aldono de l'« Echo » Eldonejo de J. H. Schorer G. m. b. h., Dessauerstr., 1, *Berlin* . . . . . . . . . . . . . . . | | |
| **La Esperantisto**, oficiala organo de la «Verband Deutscher Esperantisten», monata Internacia Gazeto. Administrejo : Fritz Schnackenburg, Talstr., 27, *Leipzig* . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | » 2.— | » 1.— |
| *Granda Britujo :* **The British Esperantist**, oficiala monata organo de B. E. A. en Angl. & Esp. lingvoj. Administrejo : Museum station Buildings, 133-136, High Holborn, *Londono W. C.* . . . . . . . . . . . . | Ŝil. 3.— | » 1.50 |
| **La Esperanta Instruisto**, monata organo por la instruado de Esperanto. Administrejo : Guilbert Pitman, 85, Fleet Str., *London, E. C.* . . . . . | » 1.06 | » 0.75 |
| *Hindujo :* **La Pioniro**, en Angl. & Esp. lingvoj. Administrejo : Hon[a] Sek[o] de la Kolar Gold Field, *Marikuppan*, Mysore State, South. India . . . . . | Ŝil. 4.— | » 2.— |
| **Stelo de l'Oriento**, eldonata de Esperanta Societo. Administrejo : Esperanta Societo de Hindujo, *Calcutta* . . . . . . . . . . . . . . | | |
| *Hispanujo :* **La Suno Hispana**, oficiala monata organo de la H. S. P. E. en Esp. & Hisp. lingvoj. Direktoro-Administranto : A. Jiménez Loira, Avellanas 11, *Valencia* . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Pt. 3.— | » 1.20 |
| **Tutmonda Espero**, ĉiumonata revuo, organo de la Kataluna Esperantisto. Administrejo : Paradis, 12, pral. - *Barcelona* (Societo Espero Kataluna). | » 4.— | » 1.60 |
| *Holando :* **Amsterdama Pioniro**, monata oficiala organo. Administrejo : Singel, 386, *Amsterdam* . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Fl. 1.50 | » 1.25 |
| **Frateco**, ĉiumonata folieto por la Esperanta propagando inter la laboristoj. Eldono de la Ĝenerala Esperanta Laboristo Klubo en Hago. Administrejo : J. Lüneman, van der neerstraat, 40 *Hago.* (Jare $\mathscr{S}$ 0,20) . . . . . . . | » 0.25 | » 0.33 |
| **La Holanda Pioniro**, oficiala organo de la Hol. Soc. Esp. « La Estonto estas nia » Redakcio & administracio : Binnen Bantammerstraat, 11, *Amsterdam.* (Jare $\mathscr{S}$ 1.25) . . . . . . . . . . . . . . . . . . | » 1,80 | » 1.50 |

*(Vidu la sekvantan paĝon.)*

| | Jara abonprezo. (nacie) | (internacie.) |
|---|---|---|
| *Hungarujo:* **La Verda Standardo.** Redaktisto : A. de Marich. Redaktejo : *Budapest* IX., Üllöi-ut 59 . . . . . . . . . . . . . . . . | Kr. 4.— | $ 1.66 |
| **La Pioniro**, oficiala organo de la Soc. Hung. Esp. « Studengrupo ». Administrejo : VI., Nagymezö-u. 12. 1/16, *Budapest* . . . . . . . . . . | Kr. 1.90 | » 0.80 |
| *Italujo:* **Notizie Esperantiste**, monata organo de « Junula Amikaro Esperantista de Palermo ». Administrejo : S-ro Giovanni Castiglia, via S. Agostino, 6, *Palermo* . . . . . . . . . . . . . . . . | | |
| *Japanujo:* **Japana Esperantisto**, oficiala monata organo de Japana Esperantista Asocio. Administrejo : 3, Ĉome, Jurakĉo, Kojimaĉik, *Tokio* . . . . | Yen.1 50 | » 1.60 |
| **Samideano Ĉiumonata**, monata literatura gazeto. Administrejo : Sro M. Hikosaka, 33, Abekawamachi. Asakusa, *Tokio* . . . . . . . . . . . . | » 0.75 | » 0,80 |
| *Kuba Insulo* : **Kuba Stelo**, organo oficiala de la Kuba Esp. Societo. Administrejo : Petro P. Valiente, Calvario A. 10, *Santiago de Cuba* . . . . . | $ 1.— | » 2.05 |
| *Meksiklando:* **Meksika Revuo**, monata ĵurnalo de la Akademio « Zamenhof ». Administrejo : Cocheras, num. 2, *Meksiko*, D. F. . . . . . . . . . . | P. 1.— | » 1.— |
| **Esperanta Gazeto**, monata ĵurnalo, organo de la Okcidenta Esperantista Societo. Administrejo : Direktoro, Alberto Gomez Cruz, Guadalajara. . . . | P. 0.75 | » 0.50 |
| **Esperanta Meksiko**, Administrejo : E. Rincon Mancilla, Strato Perpetua, 5, *Meksiko*. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | P. 1.25 | » 1.25 |
| **Verda Stelo**, ĉiumonata organo de la Centra Meksika Esperantista Societo. Administrejo : Dro A. Vargas, Apartado 2759, *Meksiko*, D. F. . . . . . . | » 2.— | » 2.— |
| *Norvegujo:* **Norvega Esperanta Gazeto**, monata organo. Administrejo : Kontoro, Sondregate, 4, IV, *Christiania* . . . . . . . . . . . . | Kr. 2.— | » 1.10 |
| *Peruo:* **Antaŭen Esperantistoj**, en Hisp. & Esp. lingvoj. Redaktoro : Federico Villaréal. Administrejo : Apartado 927, *Lima* . . . . . . . | Sol. 1.20 | » 1.20 |
| *Polujo:* **Pola Esperantisto**, monata organo de Polaj Esperantistaj Societoj. Administrejo : Hoza No 20, *Varsovio* . . . . . . . . . . . . . . . | Rbl. 2.00 | » 2.10 |
| *Portugalujo:* **Portugala Revuo**, organo de la Portugaloj. Administrejo : Rua do Rosario, 215, *Porto* . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Rs.800.— | » 2.— |
| *Rumanujo:* **Rumana Gazeto Esperantista**, unua perioda publikajo Esperantista en Rumanujo. Administrejo : Strato Coltei, 16, *Bukarest* (Rum.) . . | Leoj 3.— | » 1.20 |
| **Rumana Esperantisto**, oficiala organo de la Rumana Esperantista Societo. Administrejo : 5, Str. I. C. Bràtianu, *Bukarest*. . . . . . . . . | » 4.— | » 1.60 |
| *Rusujo:* **La Ondo de Esperanto**, monata eldono. Administrejo : Tverskaja, 28, *Moskvo* , . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | Rbl. 1.— | » 1.06 |
| **Estlanda Esperantisto**, propaganda gazeto. Administrejo : J. A. Rahamägi, Weike Kalamaja uul. 7, k. 2, *Revel* . . . . . . . . . . . . | » 1.50 | » 1.60 |
| *Svisujo:* **Svisa Espero**, en Esp., oficiala organo de la S. E. S.; Redaktejo : 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* . . . . . . . . . . . . . . . . . | Fr. 3.— | » 1.20 |
| *Turkujo:* **Greklingva Esperantano**, oficiala organo de Samos'a Esperant. societo. Administrejo : Samosa Esperantista Societo, *Samos* . . . . . . . | P. 0,35 | $ 1.20 |
| *Unuigitaj Ŝtatoj:* **Amerika Esperantisto**, en Angl. & Esp. lingvoj ; ĉe Amerika Esperantisto, 186, Fortieth street, *Chicago* (Ill.) . . . . . . . | $ 1.— | » 2.05 |
| **La Espero**, ĉiusemajna folio. Administrejo : 632, East Grand Ave., Des Moines, *Jowa* . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | $ 0.25 | » 0.50 |
| **The Esperanto Student**, monata organo por la amerikanaj Esperantistoj. Administrejo : John H. Brown, 22 meadow Road, *Rutherford* N. J. . . . | $ 0.50 | » 1.02 |

## TABELO DE NACIAJ MONUNUOJ (korektita)

*kune kun ilia internacia valoro je « spesoj ».*

(*ora* fundamento).

1 ₷ (spesmilo) = 100 sd. (spesdekoj) = 1000 s (spesoj)

10 ₷ egalvaloras ormoneron da 8 gramoj, laŭ orproporcio 11/12.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Franc. Belg. Svis. | 1 franko (= 100 centim.) | = | 396 | Spesoj | 1 Spesmilo = | 2,5259 | frank. |
| Ital. | 1 liro (= 100 centesim.) | = | » | » | » = | » | lir. |
| Hispan. | 1 peseto (= 100 centim.) | = | » | » | » = | » | peset. |
| Gr. Brit. | 1 pundo sterl. (= 20 ŝiling.) | = | 9985 | » | » = | 0,1001503 | pundo st. |
| » | 1 ŝilingo (= 12 penc.) | = | 499 | » | » = | 2,0030 | ŝiling. |
| » | 1 penco | = | 41,60 | » | » = | 24,036 | penc. |
| U. Ŝ. A. | 1 dolaro (= 100 cend.) | = | 2052 | » | » = | 0,4874 | dolar. |
| German. | 1 marko (= 100 pfenig.) | = | 489 | » | » = | 2,0460 | mark |
| Aŭstr. Hungar. | 1 krono (= 100 heler.) | = | 416 | » | » = | 2,40 | kron. |
| Rus. | 1 rublo (= 100 kopek). | = | 1056 | » | » = | 0,947 | rubl. |
| Skand. | 1 krono (= 100 oer.) | = | 550 | » | » = | 1,82 | kron. |
| Holand. | 1 floreno (= 100 cens.) | = | 825 | » | » = | 1,21 | floren. |
| Portugal. | 1 milrejso (= 1000 rejs.) | = | 2217 | » | » = | 0,451 | milrejs. |
| Grek. | 1 drakmo (= 100 lept.) | = | 396 | » | » = | 2,5260 | drakm. |
| Ruman. | 1 leo (= 100 ban.) | = | » | » | » = | » | leoj. |
| Serb. | 1 dinaro (= 100 paral.) | = | » | » | » = | » | dinar. |
| Bulgar. | 1 levo (= 100 stotink.) | = | » | » | » = | » | lev. |
| Arg. Resp. Kolumbio Uruguajo | 1 peso (= 100 centav.) | = | 1980 | » | » = | 0,5052 | pes. |
| Brazil. | 1 milrejso (= 1000 rejs.) | = | 1121 | » | » = | 0,892 | milrejs. |
| Ĉil. | 1 peso (= 100 centav.) | = | 1472 (?) | » | » = | 0,679 (?) | pes. |
| Ĥin. | 1 taelo (arĝ) (= 1000 kaŝ.) | = | 3246 (?) | » | » = | 0,308 (?) | tael. |
| Egipt. | 1 Egipta liv. (= 100 piastr.) | = | 10300 (?) | » | » = | 0,09715 (?) | Eg. liv. |
| » | 1 piastro (= 40 paral.) | = | 103 (?) | » | » = | 9,715 (?) | piastr. |
| Hind. | 1 rupio (= 16 ana.) | = | 970 (?) | » | » = | 1,031 (?) | rupi. |
| Japan. | 1 yeno (1897) (= 100 sen.) | = | 1023 | » | » = | 0,978 | yen (1897). |
| » | 1 » (1871) (= 100 ») | = | 2045 | » | » = | 0,489 | » (1871). |
| Filip. Ins. | 1 peso (= 100 centav.) | = | 1026 | » | | | |
| Meksik. | 1 peso (= 100 centav.) | = | 1010 | » | » = | 0,99 | pes. |
| Pers. | 1 tomano (= 10 kran.) | = | 3530 (?) | » | » = | 0,2832 (?) | toman. |
| Peruo. | 1 solo (= 10 diner.) | = | 999 | » | » = | 1,0015 | sol. |
| Turk. | 1 Turka liv. (= 100 piastr.) | = | 9103 (?) | » | » = | 0,10983 (?) | Turk. liv. |
| » | 1 piastro (= 40 paral.) | = | 91 (?) | » | » = | 10,983 (?) | piastr. |
| Venez. | 1 bolivaro (= 100 centav.) | = | 396 | » | » = | 2,5259 | bolivar. |

Ekzemple : *Jara abono al Scienca Revuo* = **2,75** ₷ signifas por la Latinoj **7 fr.**, por la Britoj **5 ŝ. 6 d.**, por la Germanoj **5,65 M.**, por la Amerikanoj **1,35 $**, por la Skand. **5 Kr.**, por la Ruso **2,65 R.**, por la Aŭstr.-Hung. **6,60 Kr.**, &c.

Presejo Alb. Kündig, Ĝenevo.